

**BRAZILA ESPERANTISTO** *OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO*




94a jaro
N-ro 321
Okt/Dec 2002
R$ 6,00

Abontario / Kategorio 1: Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo - US$ 10,00 / Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajvano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00

## Gbeglo en Flandrio



**Gbeglo Koffi vizitis Flandrion kaj rakontas al ni detalojn**

## Brazilano premiita

**Sekretoj estas rakonto de Paulo Sérgio Viana, premiita en la Belartaj Konkursoj de UEA**

## Intervjuo

**Clay Magalhães, parolas pri sia laboro kaj pri la brazila e-movado**



# Carlos Drummond

## Meze de l' vojo estas poeto

# *Zamenhof ne tradukis la tutan Biblion*

*La komuna normala Biblio - la Olda Testamento - konsistas el 67 libroj (kiujn Zamenhof tradukis el la hebrea originalo).*
*Tamen la katolika kaj grek-ortodoksa religioj havas plurajn aliajn librojn.*

*Kial ĉi tiuj libroj ne eniris la hebrean Biblion? Pro lingvaj problemoj!*
*Ili ne ekzistas en la hebrea lingvo, sed en la helena (greka)!*

*Tiuj ĉi libroj estas nomataj duakanonaj t.e. duarange kanonaj, aŭ duarange oficialaj (sed tute oficialaj el vidpunkto katolika!)*

*Leginda la TUTA Biblia tekstaro!*

*Havu ankaŭ vi la plenan Biblion!*




*La Duakanonaj Libroj, 1a volumo*
*Gerrit Berveling 263 14 x 21 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo,*
*Ilustraĵoj-Gustave Doré,*
*Bibliaj liblroj ne aperintaj en antaŭaj eldonoj de la Grekaj Biblioj*
$ *24,00*




*La Duakanonaj Libroj, 2a volumo*
*Gerrit Berveling 261 14 x 21 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo,*
*Ilustraĵoj-Gustave Doré,*
*Bibliaj liblroj ne aperintaj en antaŭaj eldonoj de la Grekaj Biblioj*
$ *24,00*

*Simboloj: Libro Titolo Aŭtoro Tradukisto Lingvistiko Biblio/Religio Poezio Nombro de paĝoj Grando Rimarko Komentario $ Valoro*


**Brazila Esperanto-Ligo**

Caixa Postal 03625
70084-970 Brasília – DF
bel@esperanto.org.br


*Mendeblaj ankaŭ ĉe*

*Universala Esperanto-Asocio kaj ĉe la plej bonaj libroservoj tra la tuta mondo.*

*Membroj de BEL ĝuas rabaton je 10% kaj ne pagas sendokostojn.*

*Nepre mendu la kompletan katalogon de Fonto*
*Revendistaj rabatoj por libroservoj*

Fonto

*Ĉe BEL eblas pagi ankaŭ per Visa-kreditkarto*

# Enhavo

Brazila Esperantisto
94a Jaro • N-ro 321
Okt / Dec 2002

**04 Ĉefartikolo**
La esperantisto devas alfronti novajn defiojn

**05 Intervjuo**
Clay Magalhães, brazila esperantisto deĵoranta en la centra oficejo de UEA, estas nia ĉi numera intervjuito

**08 El Interreta mondo**
Kvar trafaj informoj pri trafendaj hejmopaĝoj

**09 Literaturo**
Sekretoj, premiita en Beletraj Konkursoj de UEA 2002, inaŭguras novan fazon de kompetenta tradukisto

**12 Junulara Movado**
Isis Okabe raportas pri la agado de BEJO



**14 Brazilaj verkistoj**
Centjariĝo de Carlos Drummond, unu el la plej elstaraj brazilaj poetoj

**17 Internacia Panoramo**
Atilio Rojas prezentas novaĵon pri IEI kaj Cseh-metodo

**18 Foto-Eseo**
Guinda laboro de D. Wranka, kunlaboranto de La Praktiko

**22 Bildoj**
Donacaĵoj, nova historio de Gacy Simas, pri ET-Paĉjo



**23 Niaj urboj, nia movado**
Taguatinga oficiale ne estas urbo, sed grandas kaj vivas kiel vera urbo

**24 Ses tagoj en Flandrio**
Gbeglo Koffi, konata togolanda esperantisto, vojaĝis al Flandrio kaj taglibrumas pri liaj spertoj

**28 Brazila Kroniko**
Pli maldika pro la indekso, tamen kiel ĉiam bunta kaj novaĵporta

**30 Pensume**
Fabrício Valle adiaŭas kaj kiel redaktoro de BE kaj kiel rubrikisto

**31 Indekso**
Bona novaĵo por kolektantoj, BE aperos ĉiam en la lasta numero de la jaro sian indekson

## Kovrilo




Carlos Drummond de Andrade, grandioza poeto, aperas reliefe kaj meritplene.

Pri la nuna numero

## Iom neordinara numero

La lasta numero de Brazila Esperanto en 2002 aspektos al niaj legantoj iom neordinare. Kvarpaĝa indekso devigis nin ŝanĝi la strukturon de la revuo. Ĉio kondukos nian revuon al tute nova fazo en 2003, kun nova redaktoro, malpli da paĝoj kaj rezigno pri aperado de rubrikoj.

# Defio ĉe la horizonto

Lastatempe disvastiĝis la certeco, ke neregistaraj organizaĵoj kiuj dependas de la kotizoj de siaj membroj por atingi siajn celojn estas minacataj je velkiĝo, kaj en certaj kazoj, eĉ je malapero.

Ni ne bezonas traserĉi ekster la esperantomovado por trovi pruvon pri la praveco de tiu aserto, ĉar Brazila Esperanto-Ligo mem estas ekzemplo de tia organizaĵo, kiuj preskaŭ entute dependas de la kotizoj por plenumi siajn statutajn celojn.

Nu, la granda defio estas havigi al nia organizaĵo novan strukturon, novan labormanieron, kiu garantiu novajn enspezofontojn. Nepras plimultiĝi nia samideanaro; aĉetantoj de libroj devas almenaŭ kvinobliĝi en la venontaj 5 jaroj; lernantoj de nia perkoresponda kurso devas esti miloj ĝis nia centjariĝo. Ni ne malatentu pri la ebleco akiri subvenciojn el plej diversaj fontoj kaj manieroj, tamen, la plej granda defio kiun ni devos alfronti estas la profesiigo de niaj organizaĵoj.

Tiel, ne plu akcepteblas improvizita administrado. Niaj organizaĵoj estu rigardataj kiel sociaj produktantoj, kun potencialo por alporti socian pluson en komununo kie ili enhaviĝas.

La lingva afero en la internacia komunikado, kiel ero ne nur de la ekonomiaj problemoj, sed ankaŭ de la kultura sfero, povas esti por ni premilo ĉe la aŭtoritatuloj, sed tia agado postulas profesiajn metodojn por ke la politika premo donu la adekvatajn fruktojn.

Urĝas unuigi la plej spertajn esperantistojn el Brazilo, el ĉiuj ŝtatoj, kaj diskutigi ilin serĉe al novaj vojoj por nia movado. La nuna mondo alportis multe da novaj kaj pli grandaj problemoj, sed ankaŭ novaj kaj pli grandaj perspektivoj kaj oportunaj vojoj, kiujn ni riskas malatente lasi eskapi, se ni ne zorge kaj trafe alregos la situacion.

Permesi la ŝanĝon naturan de la aferoj estas la plej saĝa sinteno. La plej malsaĝa estas resti pasive fronte al la defilado de la problemoj kaj siaj respektivaj solvoj.





**Brazila Esperantisto**
ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
94-a Jaro • Oktobro / Decembro 2002 • N-ro 321
Aperas trimonate

**Eldona Stabo**
**Direktoro** Francisco Mattos de Oliveira **Respondeca Ĵurnalisto** Emerson Werneck RG 06254JP/MG **Ĉefredaktoro** Fabrício Valle
**Konstantaj kunlaborantoj** Cícero Gabriel, Carlos Alberto Pereira **Ĉi-numeraj kunlaborantoj** Aloisio Sartorato, Carlos Maria, Gacy Simas, Isis Okabe, James Piton, Néia Lúcia, Ademar VieiraDiniz, Valerio Rodolfo, Paulo S. Viana, Atilio Rojas, Carlos Maria, Gbeglo Koffi **Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison de Novais Simas **Grafika asistado** Luciana do Nascimento Maria, Alessandro Frutuoso Soares **Revizio kaj tradukado** Carlos Maria, Maria Ladarlado
Redakcio ĉe BEL-sidejo
Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem . Abonebla ĉe UEA kaj ELNA



Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907
**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 307, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, CEP 70084-970 Brasília - DF
**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

# Clay Magalhães

*Regulaj vizitantoj al Universalaj Kongresoj bone konas la nomon de Clay Magalhães. Okaze de la UK en Fortalezo "Brazila Esperantisto" dialogis kun li, samlandano nia, kiu estas, cetere, la sola sudamerika oficisto de la Centra Oficejo de UEA.*

**Brazila Esperantisto (BE)** Kiel vi lernis Esperanton?

**Clay Magalhães (CM)** Kiel infano mi havis interesan hobion, nome hazarde malfermi volumon de nia hejma enciklopedio kaj eklegi pri persono, invento aŭ lando. Iam mi trafis Esperanton, ke ĝi estas "neŭtrala, internacia, facila lingvo" - mi trovis tion tre bela. Poste, kiel mezlernejano, mi fojfoje trovis mencion pri Esperanto en kolumno de spiritistoj en nia loka ĵurnalo. La tempo pasis kaj mi eklaboris en hotela vojaĝagentejo. Tie mi alkutimiĝis aŭdi kaj identigi diversajn lingvojn de la mondo, sed iam aperis paro, kiu parolis lingvon novan, neniam antaŭe aŭditan de mi. Demandite ili respondis, ke tio estas Esperanto. Tiam ĉio subite revenis en mian kapon kaj mi diris, ke mi multe interesiĝas pri ĝi. Unu el tiuj du homoj estis mem Esperanto-instruisto, do ni interŝanĝis adresojn, li sendis diversajn materialojn kaj mi komencis studi koresponde.

**BE** Kiel vi atingis la Centran Oficejon?

**CM** Diplomiĝinte pri turismo

**Iam mi trafis Esperanton, ke ĝi estas "neŭtrala, internacia, facila lingvo" - mi trovis tion tre bela**



kaj translokiĝonte al Nederlando en 1996, mi sendis volontulproponon al la Centra Oficejo. Estis majo, la Praga UK proksimis kaj la CO bezonis helpanton, do ĝi prenis min por 3 monatoj. En la sekva jaro estis sama situacio kaj, ĉar mi estis en Nederlando, mi denove pretis helpi. Tio ripetiĝis ankoraŭ en la du sekvaj jaroj.

Intertempe mi estis lerninta la nederlandan lingvon kaj ekserĉis laboron. Komence de 2000 mi vidis publikan anoncon en la ŝtata Laboroficejo, ke entrepreno serĉas laboranton kun kvalifikoj, kiujn mi havas - interalie scipovi Esperanton. Montriĝis, ke temas pri Universala Esperanto-Asocio!

**BE** Pri kio vi okupiĝas en la CO?

**CM** Mi laboras en la kongresa fako. Komence de la preparoj por nova UK mi okupiĝas pri aliĝoj, kontrolado de pagoj, adresoj. Poste venas la mendoj: de hoteloj, ekskursoj, bankedo. Kaj rea kontrolado: ĉu la menditaj ekskursoj fare de unu homo ne koincidas tempe, ĉu ĉe repago ni redonas la ĝustan sumon. Ĉi-jare mi okupiĝis ankaŭ pri flugoj al kaj ene de Brazilo.

Post la

fino de la UK ni iom pli trankvile laboras en la CO. Tiam ni efektivigas la finkalkulon de la UK, pritaksas la laboron faritan, repagas ekstrajn elspezojn. Sed jam en decembro venas granda kvanto da kongresaliĝoj; poste aldoniĝas la pretigo de la Dua Bulteno; kontaktoj kun la nova LKK, hoteloj, vojaĝagentejoj; regula kontrolado de mendiloj. Ĉio komenciĝas denove. En la du monatoj antaŭ la UK estas forta laborpremo en la CO.

Krome mi helpas ankaŭ pri la librotenado de la Asocio, kaj faras diversajn aliajn taskojn en la domo, ekzemple etajn riparojn, ekspedojn kaj aĉetojn.

**BE** Ĉu vi ĝuas vian laboron?

**CM** Evento-organizado estas tiom peza laboro, ke nur tiuj, kiun scipovas ĝui ĝin, povas fari ĝin. Ĝi konsumas amason da energio, kaj poste oni restas komplete elĉerpita. La Konstanta Kongresa Sekretario kaj mi venas tagojn, foje semajnon antaŭ la kongresanoj al la kongresurbo. Dum la kongreso estas konstanta kurado, senĉesa zorgado kaj solvado de problemoj (la sonsistemo de ekskursa buso ne funkcias, la ĉiĉerono ne scipovas Esperanton, kongresano malsaniĝas aŭ suferas alie). Dum tiu semajno ni vivas nur por la kongreso.

Ĉi-jare, post la UK, mi gvidis 9-tagan postkongresan ekskurson tra Amazonio, Igvasuaj akvofaloj (mia devenloko) kaj Rio-de-Ĵanejro. Mi sekve estis la unua vekiĝi kaj dum la tuta tempo gvidis la grupon interpretante inter la portugala kaj Esperanto. Nokte mi estis la lasta enlitiĝi ĉar mi devis certiĝi, ke ĉio iras glate kaj ke ĉio pretas por la sekva tago.

Unufoje mi akompanis al

**Ĉiu oficisto de la CO estas profesiulo en sia kampo - diplomita pri sia fako aŭ kun multege da sperto.**

hospitalo kongresaninon morditan de nazuo en nacia parko.

**BE** Ĉu la Centra Oficejo funkcias simile al Esperanto-klubo?

**CM** En la CO ni laboras tre profesie, kaj ni laboras multe - kelkaj oficistoj kromlaboras. Ĉiu oficisto de la CO estas profesiulo en sia kampo - diplomita pri sia fako aŭ kun multege da sperto. Ni respektas la normalajn oficejajn laborhorojn, kun unuhora lunĉopaŭzo tagmeze; krome ni havas du mallongajn kafopaŭzojn, unu matene kaj unu posttagmeze, dum kiu la oficistoj vidas unu la aliajn. La CO do estas normala laborloko, kie ties anoj ricevas normalan salajron por sia laboro - certe ne luksan, sed ankaŭ ne mizeran. La CO estas la motoro de la Asocio kaj tial tiom gravas, ke niaj laborantoj estu seriozaj, profesiaj, diskretaj kaj ne iu ajn hobiece kaj sen granda intereso transprenu taskon tie.

El la kongresa fako ni foje iras invititaj al forumo, borso, seminario aŭ simpozio, kie ni starigas kontakton kun aliaj profesiuloj de la kongresa industrio. Tiu homa kontakto estas tre, tre grava, plene pozitiva, ĉar ankaŭ tie ni akiras ideojn por niaj kongresoj. Komence de decembro mi iros al tia aranĝo en Florenco - kiu scias, eble estonte okazos UK en Italio.

**BE** Ĉu vi sopiras Brazilon?

**CM** Se iu diras, ke li ne sopiras Brazilon, li aŭ mensogas aŭ ne estas brazilano. Mi multege sopiras la landon kaj la familion. Mi ade tenas kontakton kun tiu ĉi, ofte vokas miajn gepatrojn kaj gefratojn, kaj ĉiujare mi renkontas ilin. Anstataŭ iri al aliaj feri-lokoj, mi preferas reveni hejmen, aŭdi la parencojn kaj vidi, kiel ĉio evoluas tie.

**BE** Kiuj estas la ĉefaj diferencoj inter la vivo en Nederlando kaj en Brazilo?

**CM** En Nederlando oni ne havas tiel grandan rondon da amikoj, estas eta rondo, sed aliflanke temas pri homoj, kiuj pretas helpi vin senkondiĉe.

Vetero estas alia diferenciga faktoro: malfacilas alkutimiĝi al la malvarmo, mallumo kaj pluvo de la longa vintro. Kompreneble oni devas scii adaptiĝi al la nova loko: Rilate manĝojn, ekzemple, mi manĝas tion, kion mi kuiras, kaj mi kuiras tion, kion mi

kutimis manĝi en Brazilo - tiel mi solvas parton de la diferenco. Pri ekstera manĝado, mi plu preferas picon, same kiel en Brazilo. Mi konservas mian kutimon sabate iri al dancejo. Mi ankaŭ multe iras al kinejo, bonŝance estas kultura kinejo apud mia loĝejo, kiu montras ankaŭ brazilajn kaj hispan-lingvajn filmojn, kiujn mi volonte sekvas.

**BE** "Inter esperantistoj estas multaj frenezuloj" - ĉu fakto aŭ fantazio?

**CM** La diferenco de homo al homo ene de unu sama lando aŭ kulturo povas esti granda, do imagu inter diversaj kulturoj. En Esperantujo estas multaj malfacilaj homoj, ni povas trovi ilin dum la kongresoj mem, sekve ni devas havi multan takton, kompreni kaj sciigi ilin, ke kelkaj agoj aŭ reagoj ne havas kiel celon insulti aŭ ofendi ilin sed simple montri, ke ni celas la bonon, solvi problemojn.

**BE** Ĉu vi tamen ne povus ilustri nin per anekdoteto?

**CM** Bone, sed sen nomo: Iam kongresano malsaniĝis kaj devis esti enhospitaligita. Kiam mi iris al lia hotelo klarigi lian situacion mi aŭdis de la personaro, kiu evidente ne sciis, ke mi estas aŭdanta ilin, ke ili preferas, ke tiu gasto entute ne plu revenu de la hospitalo, ĉar tiom ĝena li estis!

**La brazila Esperanto-movado estas tre profesia, kaj tion oni povas vidi tra la organo de Brazila Esperanto-Ligo, "Brazila Esperantisto".**

**BE** Kiun impreson lasis en vi la kunlaborado kun viaj samlandanoj en Fortalezo?

**CM** La brazila Esperanto-movado estas tre profesia, kaj tion oni povas vidi tra la organo de Brazila Esperanto-Ligo, "Brazila Esperantisto". Ankaŭ la Kongreso estis tre profesie farita, dank' al valoraj lokaj homoj kaj al kunlaboro kun eventorganizaj firmaoj de Fortalezo. Brazilanoj devus vere fieri pri sia Esperanto-movado.

Mi krome aŭdis, ke eksterlandaj kongresanoj agrable surpriziĝis, ke ni, brazilanoj, estas tiom diversaj kaj tamen kunvivas en harmonio; ke ne scipovi fremdan lingvon ne estas baro por ke brazilano helpu eksterlandanon. Ni devas esti fieraj pri nia homa diverseco; ni devas fieri esti brazilanoj.



Lernu! estas multlingva retejo kiu celas faciligi la lernadon de Esperanto kaj prezentas variajn kursojn (Ana Pana, Jen Nia IJK kaj Gerda Malaperis!). Por tiuj, kiuj volas praktiki gramatikon kaj prononcon, la retejo oferas ankaŭ dumkonektan kurson kun ekzercoj. Nepre vizitu ĝin ĉe *www.lernu.net*




Babelmondo estas nova interreta faka vendejo pri idiomoj. Tie eblas aĉeti lernomaterialon pri diversaj lingvoj, kiaj la tupia, portugala, angla, franca, hispana, itala, japana, germana kaj Esperanta. La virtuala vendejo estas iniciataĵo de Rede Esperanto (komerca nomo de Brazilja Esperanto-Asocio) kun apogo de Sebrae. Adreso: *www.babelmondo.com.br*

Karelia Babilejo, la fama perreta babilejo por esperantistoj havas novan adreson kaj vizaĝon. Nun eblas elekti inter diversaj supersignaj sistemoj kaj ankaŭ uzi la oportunajn mienbildetojn. La babilejo oferas ankaŭ registrejon, kie la babilanto povas informi pri siaj preferoj kaj prezenti foton pri si. Por babiladi kun amikoj el la tuta mondo, sufiĉas tajpi: *www.babilejo.org*

Kurso de Esperanto 3.0 - la populara perkomputila kurso de Esperanto jam havas novan version, kun plibonigitaj lecionoj. La kurso prezentas ankaŭ la kanzonon "Jen", de Alejandro Cossavella, kaj estas elŝutebla el la adreso *www.kurso.com.br*

* Carlos Alberto Pereira estas entreprenisto sur la kampo de informadiko






Pro via donita apogo, en la 2002-a jaro, al la movado por Esperanto - la Internacia Neŭtrala Lingvo - ni deziras, ke 2003 al vi alportu mondon pacplenan kaj de reciproka komprenado tial, ĉar tiuj estas la idealoj, kiuj daŭre gvidas niajn aspirojn kaj antaŭenigas niajn klopodojn.

Brazila Esperanto-Ligo

# Sekretoj

Paulo Sérgio Viana

Mirna loĝis en mezgranda, ordinara urbo en la valo, kaj tie ŝi pasigis rutinan vivon. Tie ŝi ĉeestis lernejon, laboris en biblioteko, flegis geamikojn kaj aŭskultadis muzikon. Naŭdek kilometrojn for de tiu urbo, la familio de Mirna posedis dometon en Sablo, vilaĝo de fiŝkaptistoj, piede de majesta montaro, borde de granda lago. Sablo signifis por Mirna la misteron. Tien ŝi kutimis retiriĝi, ekde la infanaĝo, kiam la avo tie vivis tute sola, kun siaj amikoj, fiŝkaptistoj. Tien ŝi forkuris, kiam profundaj duboj al ŝi pikis la animon, kiam ŝi estis laca de la mondo, de la paroloj, de la batalado por plu vivi. Tie regis silento, ĉar fiŝoj ne bruas kaj hundoj de fiŝkaptistoj malmulte bojas, por ne fortimigi la fiŝojn. Tie oni aŭdis la delikatan danceton de folioj kaj branĉoj, la pepadon de papagetoj – ĉar estis ankoraŭ praarbaroj sufiĉe proksime. Tie Mirna unuafoje aŭdis fugon de Bach, kiun la avo unu tagon sonigis per sonbendaparato, sen iu ajn antaŭa komento. La muziko sonis kaj li rigardis ŝin tute serioze, kvazaŭ li esploras ŝian senton; ŝi redonis la saman seriozan rigardon, ŝia koro de infano forte batis, ili nenion diris, sed la fugo fariĝis ilia unua sekreto.

Post kelkaj jaroj la avo subite mortis. Fiŝistoj trovis lin sidanta sur sia benko, antaŭ la domo, kun la pipo falinta, la kapo klinita maldekstren: li mortis kontemplante la lagon. Mirna ne plu vizitis la domon, tiel ke ĝi restis malplena, sen vivo, sen prizorgado, dum pluraj monatoj. La domon sen la avo neniu en la familio emis eniri – neniu kuraĝis rompi la atmosferon.

Ĉi-semajne Mirna decidis reveni al Sablo. Estas tempo, ŝi pensis, ne decas lasi, ke polvo, araneaĵoj kaj skorpioj invadu la amatan dometon de la avo. Mirna invitis du amikinojn pasigi semajnfinon apud la lago. Ili akceptis, kaj oni decidis la veturon por la proksima semajno. Ĉi-semajne, Mirna decidis veturi sola al Sablo por purigi kaj aranĝi la domon, tiel ke la amikinoj povu loĝi. Ŝi provizis la aŭton per sapo, balailo, brosoj, alkoholo, tolaĵoj kaj kunprenis la sonbendojn de la avo. Frumatene ŝi ekveturis, kiam la fora montaro ankoraŭ dormis en nebulo. La vojo estis kurboplena kaj mallarĝa kaj ne eblis rapidi. Mirna denove rigardis la pejzaĝon, kiun ŝi perfekte konis en ĉiu kilometro. Kiam infano, dum la avo stiris, ŝi kutimis distri sin survoje per sekreta ludo, kiun ŝi neniam sciigis al iu ajn homo, eĉ ne al la avo: ŝi fermis la okulojn dum kelkaj minutoj, poste ŝi malfermis ilin subite kaj klopodis plej rapide rekoni la unuan arbon apud la ŝoseo, la unuan kabanon sur proksima monto. Ŝi ĉiam sukcesis tiu vojo estis gravurita en ŝia koro, kaj dum la naiva, nedirebla ludo, ŝiaj tempioj rapide pulsadis.

Ĉi-foje la avo ne ĉeestis kaj ĝi mem devis stiri, do ne eblis fermi la okulojn. Mirna veturigis la aŭton intence malrapide. Pasis la unua preĝejeto, dekstre de la vojo. La avo kutimis depreni la ĉapon, kiam la aŭto tie preterpasis, sed li neniam haltis por montri al Mirna la etan templon. "Neniam eniru kamparan preĝejon", li foje diris. "Estus malĝentile; kamparaj preĝejoj estas sanktaj, ĉar ili estas ĉiam plenaj de promesoj faritaj de kamparanoj.

Kaj kamparanoj promesas al Dio nur tion, kion ili povas plenumi, kaj Dio akceptas ĉiujn tiujn promesojn, eĉ se hazarde ili ne plenumiĝas. Urba homo malpurigus tiajn preĝejojn, neniam eniru ilin." Je la unua vojkurbo, post la preĝejeto, Mirna subite vidis iom strangan, nigran strion sur la asfalto. Ŝi senzorge surpasis; la pneŭoj stumbletis delikate, kiel kiam oni surpasas molan cilindron. Mirna ekmiris kaj haltigis la aŭton post dek metroj. Ŝi elaŭtiĝis kaj konsterne konstatis, ke ŝi surpasis serpenton.

Ĝi ankoraŭ stertoris sur la asfalto, kun la kapo tute frakasita. Mirna konsideris, meze de la soleca ŝoseo, ke estas tre strange, ke en tiel vasta, herboriĉa kamparo, ĝi preferis riski sian vivon sur la ŝoseo! Ĉu ĝI enuiĝis sur la maldekstra flanko kaj decidis koni la dekstran? Aŭ eble temis pri memmortigema

serpento? La knabino skuis la ŝultrojn kaj plu veturigis la aŭton, ĉar la nebuloj jam ekmalaperis, ĉe la montaro.

Post duonhora veturado, ŝi haltis ĉe apudvoja kafejo, kie la avo mem kutimis iam kafumi. Ŝi petis kafon kaj tuj poste alproksimiĝis ebriulo, kiu de multaj jaroj almozpetis tie. La avo kutimis regali lin per glaseto da brando. Mirna same invitis lin, kaj la ebriulo (kaj ankaŭ la kafejestro) miris, ke tia ĉarma, sola junulino ne sin ĝenas inviti ebriulon. Mirna trinkis kafon, li brandon, ambaŭ per unu sola gluto. "Ne malestimu ebriulojn", la avo kutime diris. "En sia malforteco (ili ni rezistas brandon), ili estas pli kuraĝaj ol ni; ili ne timas abismon, ili sin ĵetas, ĝuas vertiĝon." Poste ŝi adiaŭis, kaj la almozulo danke etendis sian malpuran, oleecan manon al Mirna; ŝi premis ĝin kaj reenaŭtiĝis. La montaro jam hele bluis antaŭ ŝi, Sablo ŝin atendis.

Post nelonge vidiĝis la delikata vico da dometoj borde de la bruna, vasta lago. La suno jam plene lumis super Sablo, kaj la unuaj fiŝkaptistoj jam preparis siajn barkojn kaj retojn. Dum momento, ili scivoleme rigardis la aŭton, kiu haltis antaŭ la domo, kien de monatoj neniu envenis. Mirna turnis la ŝlosilon kaj la kraketo en la seruro rapidigis al ŝi la spiradon. Ŝi envenis. Polvo, polvo. Ĉio en sia loko, sed kovrita de polvo. Odoro de polvo anstataŭis la odoron de la avo. Mirna malfermis la fenestrojn kaj konstatis, ke skorpioj forkuras en truetojn de la plafono kaj de la muroj. Skorpioj preferas senhomajn lokojn; ankaŭ iuj pensoj.

Mirna eksonigis la fugon de Bach kaj komencis vigle purigi la dometon, unue en la kuirejo, kie tavoleto el bruna polvo tegis la fornon. Ĉi tiu estis kampara forno, kun truo por lignopecoj kaj ĉarma kamentubo, kiu havigis al la domo aŭtentan kamparan trajton. La knabino memoris la bongustajn fazeolaĵojn kaj fiŝaĵojn, kiuj venis de sur tiu forno. Ŝi purigis ankaŭ la glaciŝrankon, lavpelvon, murojn kaj plankon. Pepado de birdoj, en la korto, fuge akompanis ŝian ŝvitadon. Kiam ŝi venis al la koridoro, kiu kondukis al la du dormoĉambroj, tiam la avo unuafoje aperis. Ĉe la kontraŭa ekstremo de la koridoro, sub la arko de la pordo, li staris kun petolema rideto.

Mirna levis la kapon sen surprizo; fakte ŝajnis, ke ŝi atendas lian viziton ekde la momento, kiam ŝi decidis reveni al Sablo. "Koridoroj estas neglektataj partoj de domoj", li diris, kun sia karakteriza, duone serioza, duone amuza tono. "Ili kondukas, ili transigas. Oni tamen ege bezonas kondukilojn, en domoj kaj en vivo. Benindaj estas la homoj, kies tasko estas koridori aliajn homojn. Neniel helpas, se oni havas belegajn celojn kaj tamen malhavas rimedojn por atingi ilin."

Mirna ĝuis ĉiun penson de la avo, kiel oni ĝuas varman duŝon en vintra tago. "Kiu kondukos min, avo?", ŝi vibre demandis. "Kaj kien?" La avo turnis al ŝi la larĝan dorson kaj silente malaperis en unu el la dormoĉambroj. Ŝi zorgeme purigis la koridoron kaj la alian dormoĉambron; ŝi intence lasis la dormoĉambron de la avo kiel lastan.

Kiam ŝi tien envenis, la avo sidis sur sia malnova, malmolmatraca lito kaj riparis fiŝkaptilojn. Dum ŝi senpolvigis la meblojn, ŝi demandis: "Ĉu tiuj kadukaj iloj estas ankoraŭ ripareblaj, avo?" Li melankolie rigardis ŝin: "Preskaŭ ĉio en la mondo estas riparebla, kara. Eĉ sentojn eblas alĝustigi; nur konsciaj mensogoj estas senrimedaj. Zorgu mensogi laŭeble plej malmulte: la vivo malpli pezos sur vi."

En tiu momento fiŝkaptisto kriis ĉe la dompordo, proponante freŝajn fiŝojn. Mirna alkuris kaj aĉetis du mezgrandajn fiŝojn. Dum ŝi rostis ilin kaj kuiris terpomojn, la avo ŝin observis, en la kuirejo. Ilia silento estis paca kaj plena de interkompreno. La knabino rostis sian manĝon kaj la avo ĝin ame, dolĉe rigardis, kaj venteto susurigis foliojn ekstere.

Kiam la haŭto de la fiŝoj komencis krevi supre de la fajro, Mirna demandis: "Avo, kiel mi povas esti certa, ke ĉi tio estas ja vi, kaj ne halucino mia, naskata de varma deziro?" La maljunulo larĝe ridis kaj montris siajn dentojn flavajn de piptabako. "Neniam postulu, ke vi estu certa pri io ajn, kareta. Ĉar vi jam ne estas infano, kaj tio estas privilegio de infanoj. Iel ajn, hodiaŭ vespere, kiam vi forlasos Sablon kaj revenos al la urbo, iru al la domo de via avino. Petu, ke ŝi montru al vi mian unuan edzan

ringon. Ŝi gardas ĝin en kofreto el argilo, en ŝranko. Ekzamenu ĝin kaj vi trovos unikaĵon: ĝi estas ornamita, en la interna parto (tiu, kiu kontaktas la haŭton de la fingro), per delikata smeralda strieto." La okuloj de la avo petole brilis. Mirna finis la purigadon, sin lavis kaj veturis revene. La avo restis, la lago restis, restis la skorpioj, kiuj hezitos enveni la domon, dum iom da tempo.

La revena vojo estis la sama, sed la pejzaĝo estis tute alia, ĉar rigardata de kontraŭe, kaj la suno pendis aliflanke. La almozulo ankoraŭ almozpetis ĉe la pordo de la kafejo, sed nun multe pli ebria ol matene; li eĉ ne rimarkis, ke Mirna revenas. La frakasita serpento ankoraŭ kuŝis sur la ŝoseo, sed nun katartoj ĝin ĉirkaŭis; dum momento, ili flankenflugis, ĉar pasis la aŭto.

Mirna envenis la urbon kaj iris rekte al la avino.

— Antaŭ kiom da jaroj vi edziniĝis, avino?

— Kvindek jaroj, kara. Kial vi demandas.

— Ĉu tio estis saĝa decido?

— Nek saĝa, nek malsaĝa. Ĝi estis simpla decido. Oni multe suferas, se oni ne kapablas fari decidojn, se oni eterne atendas absolutan certecon antaŭ ol decidi. Mi konsilas al vi: ne tro prokrastu viajn decidojn; tio pli dolorus vin ol eraroj.

— Ĉu vi ankoraŭ havas la edziĝo-ringon de la avo?

— Mi havas, sed mi ne rajtas montri ĝin al vi. Ĝi entenas sekreton – cetere stultan, infanecan sekreton – sed via avo kaj mi promesis unu al la alia, kiam li ankoraŭ vivis, ke neniu alia homo en la mondo rigardos tiun nian ringan sekreton, krom ni mem. Pardonu min.

— Ne gravas, avino. Iel ajn, mi jam scias vian sekreton: la ringo havas smeraldan strieton en la interna parto.

La okuloj de la avino iom pli malfermiĝis ol kutime. Kiel eblas, ke ŝi scias ilian sekreton? Kontente (ŝi estis libera de tiu peze ekskluziva sekreto!) ŝi iris al la ŝranko kaj prenis el argila kofreto la ringon de la avo. Mirna kontemplis la smeraldan, kaŝitan strieton en la interna surfaco, kun sento de interna kvieteco.

Post longa silento, la avino aldonis:

— Eble mi montris ĝin al vi, kiam vi estis infano. Mi supozis, ke vi ne atentos pri la sekreta detalo.

Mirna palpebrumis.

Tie for, en Sablo, la vento milde kombis la lagon.

## De BEJO al literaturo

Aloísio Sartorato

La lasta Belarta Konkurso de UEA malkovris por ni novan talentan verkiston.

Temas pri Paulo Sérgio Viana, kiu estis premiita unualoke en la branĉo originala prozo per la verkaĵo SEKRETOJ.

Antaŭ nelonge mi aliris la tekston. Unuvorte: MIRINDA!!!

La stilo estas simpla kaj flua kaj la teksto estas atentokapta kaj plena je profundaj pensoj.

Paulo kaj mi estas samtempuloj en la unua generacio de BEJO. Ekde tiam li jam estis profunda konanto de Esperanto. Antaŭ kelkaj jaroj li debutis kiel kompetenta tradukisto kaj nun li montras alian faceton de sia talento.

Gratulon, Paulo! Ni senpacience atendas pliajn prozaĵojn!

# BEJO renovigata!

Ísis Climany Okabe Piton*

En la lastaj jaroj, *Brazila Esperantista Junulara Organizo* denove falis en periodon de preskaŭ nemoveco. Estis momento dum kiu nur la prezidanto Carlos Eduardo de Oliveira estis la aktiva estrarano, kiu ofte devis zorgi pri ĉiuj taskoj de normala organizo. En la sekva periodo, la situacio iomete pliboniĝis. Danke al Carlos, komenciĝis la unuaj interkonsentoj kun TEJO por aranĝi en Pato Branco la 58–an Internacian Junularan Kongreson (IJK). Tiu fenomeno de ondoj de aktiveco kaj malaktiveco estas kongrua kun la tuta historio de BEJO. Ni esperas, ke nun BEJO denove eniru en unu el siaj kulminaj fazoj. Almenaŭ sentiĝas, danke al la pli bonaj komunikeblecoj, pli da engaĝiĝo ĉe pli da BEJO-anoj, ne nur ĉe la estraranoj.


Foto: Isis Okabe

La manko de preparo de la junularo kaŭzis al BEJO diversajn burokratiajn problemojn koncernajn al la fiska vivo de regulaj organizaĵoj en Brazilo. Oni klopodas por solvi tiun specifan problemon, kiu postulos la asiston de fakulo pri imposto-deklaro. Oni antaŭvidas monpunon pro nedeklaro (de nula imposto-ŝuldo) en la lastaj jaroj kaj tio estas zorgiga. BEJO do havas fortan bezonon reguligi tiun fiskan situacion, ĉar ne eblas simple malfondi la Organizon (ĉiukaze, la malfondo neniel signifas estingiĝon de la ŝuldo). Ni serĉas kunlaborantojn por la solvo de tiu problemo. Ni cetere bezonas plivastigi nian membraron, ĉar per la nuntempe tre simbola baza kotizo, oni bezonas multajn membrojn por redukti kostojn. Ni volas ankaŭ helpi en la pli strikta kontrolado de membrecoj, okaze de Brazilaj Kongresoj, provizante aktualajn listojn al la LKK-j. Bedaŭrinde oni konstatis kazon de junulo, kiu deklaris sin BEJO-ano nur por ĝui rabaton en surloka aliĝo en la lasta BKE. Tiel perdas kaj BEJO kaj BEL!

En Fortalezo, la Ĝenerala Asembleo dum la 87-a Universala Kongreso de Esperanto, lastaŭguste, multe debatis la situacion de nia Organizo kaj la temojn de la nuntempa junulara E-movado, nacia kaj internacia. En la Asembleo elektiĝis nova Estraro por la periodo 2002-2004, sed des pli grava estis la partopreno de pluraj iniciatemaj BEJO-membroj, kontribuantaj al novaj aktivaĵoj por la junulara movado en Brazilo. La Statuto de BEJO, antaŭnelonge reformita por modernigo, antaŭvidas pli malmultnombran estraron kaj pli da postenoj por helpantoj, kiuj povas efektivigi la diversajn taskojn de la organizo. Ĉiu helpanto ĝenerale estas kunordiganto de skipo de aliaj volontuloj, kiuj okupiĝas pri sama specifa fako. Jam kreiĝis la postenoj de zorgantoj pri interreto, pri eventoj, pri la bultenoj.

Nova maniero instigi la junajn esperantistojn tra nia lando kolektiĝi en BEJO estas la ĵus kreita Reto de Urbaj Reprezentantoj, kiun kunordigos Rafael Lins, el Salvador-BA *(esperantista@svn.com.br)*. Tiu Reto celas transdoni respondecojn en la aktiva varbado por BEJO de junuloj el lokaj kluboj kaj asocioj, frue montrante al ili, ke ekzistas multaj aliaj junaj geesperantistoj en nia vasta lando.

La nova estraro intencas plifortigi la ligilojn de BEJO kun BEL. Ni bezonas kaj volas la subtenon kaj sperton de la

**BEJO-sekretario* - bejoesperanto@yahoo.com.br

plenkreskularo. Oni ĉiam supozas, ke ĉiu membro de BEJO estas aŭ estonte estos membro de BEL. Ni klopodos por uzi la spacon, kiun la redaktoro de *Brazila Esperantisto* regule oferas al ni por disvastigi la junularan movadon ne nur inter junuloj. La revuo estas la plej grava perilo por tiu celo!

Eble oni eniras novan kaj maloftan momenton en kiu tiom multaj anoj de BEJO vere komprenas ĝian potencialon kaj aktive laboras por ĝi. Oni nun kalkulas je multaj kompetentaj gejunuloj, kiuj volas igi la organizon pli vigla kaj konata. BEJO povas esti – kaj estu! – referenca punkto por la junaj brazilaj parolantoj de Esperanto.

Oni jam serioze planas manieron vigligi la Kongresojn de BEJO, kiuj plu okazos samtempe kaj samloke kun la Brazilaj Kongresoj. En Brazilo la junularo kaj la plenkreskuloj povas bone kunvivadi en la samaj ejoj. Ni volas, ke unuj vizitu la programerojn de la aliaj. Ni kredas, ke ĉi tio estas plene amerika trajto kaj tute aparte brazila. La junularo povas kleriĝi en prelegoj kaj kursoj, kiuj normale okazas en Brazilaj Kongresoj de Esperanto kaj la plenkreskuloj povas sekvi (kaj ofte kunamuziĝi) la aktivaĵojn de la Brazilaj Junularaj Kongresoj de BEJO. En tiuj BEJO-Kongresoj, oni havu bone planitajn programerojn kiel grupaj interrilatigaj ludoj, sportaj ludoj, promenadoj, baloj, amikaj anonctabuloj kaj ĉio, kio estas alloga kaj normala en la "normala" mondo de la junuloj.

Estas neeviteble, pro la propra karaktero de junuloj, ke la komunikado okazu rapide kaj flue. Ĉion ĉi donis granda impulso la ĉiam pli ofta aliro al la komputilaj retoj. La diskutforumo ĉe *http://br.groups.yahoo.com/group/bejo-listo* estas nur unu el la ĝeneralaj diskutejoj de BEJO, kiuj povas allogi junajn esperantistojn. Aparta forumo estis kreita por kunigi estraranojn, komisiitojn kaj ĉiun BEJO-anon, kiu volas diskuti kiel kune realigi movadajn aktivaĵojn. Unu el tiuj ekzemploj estas la nun preparata nova informa hejmpaĝo de BEJO, kiu estos frukto de multaj ideoj kolektitaj en tiu diskutejo.

Ni kalkulas je daŭra aliĝo al BEJO por 2003, kiel juna membro (ĝis 30 jaroj), protektanto (duobla kotizo) aŭ bonfaranto (kvinobla kotizo)! La kotizojn oni pagu rekte al Brazila Esperanto-Ligo, en Brasília. Sed ni esperas ankaŭ ricevi opiniojn, reagojn, proponojn kaj ĉion, kio povos faciligi la agadon por antaŭenigi nian Organizon.



Foto: Isis Okabe



Fotoj: Isis Okabe



# Centjariĝo de majstra poeto

"Mi naskiĝis dum posttagmezo en julio, en iu malgranda urbo, kie estis malliberejo, preĝejo kaj lernejo tre proksimaj unu de la aliaj, kaj kiuj nomiĝis Turmalinas (Turmalinoj). La malliberejo estis malnova kaj nur Dio scias kiel ene de ĝi vivadis kaj manĝadis la arestitoj, sed ĝi estis por mi vere fascina loko (tie oni fabrikis kaĝojn, balailojn, paperflorojn kaj ligno-pupojn). Ankaŭ la preĝejo estis malnova, tamen ĝi ne tre allogis nin. Kaj la lernejo nova je kvar aŭ kvin jaroj, estis de ĉiuj la malplej estimita loko. Tie mi naskiĝis: Mi naskiĝis en la lernoĉambro de la tria jarklaso, estante instruistino Emereciana Barbosa - ke ŝi estu ĉe Dio. Ĝis tiam mi estis analfabeto kaj malvolema. Mi bone memoras: en tiu julia tago, la suno kiu malsupreniris la montaron estis brava kaj malmova. La leciono temis pri geografio, kaj la instruistino surmetis sur la nigran tabulon nomojn de malproksimaj landoj. La urboj naskiĝadis sur la pontoj de la nomoj, kaj Parizo estis turo flanke de ponto kaj rivero, Britio oni ne bone vidis tra nebulego, skimo kaj kondoro mistere ekaperis, alportantaj tutajn landojn. Do, mi naskiĝis. Subite mi naskiĝis, tio estas, mi sentis la neceson verki. Neniam antaŭe mi pensis pri tio, kio naskiĝeblas el papero kaj krajono, krom senkolaj pupoj, per kvin strekoj reprezentantaj la manojn. En tiu ĉi momento, tamen, mia mano traserĉadis iun objekton, kaj trovinte ĝin ĝi verkis ion simila al rakonto pri vojaĝo de Turmalinas al la Norda Poluso"

Tiuj estas la komencaj vortoj de Carlos Drummond de Andrade, brazila poeto naskiĝinta – la unuan fojon - je la 31a de oktobro 1902, en la urbeto Itabira (ŝtato Minas Gerais), el la teksto "Um escritor nasce e morre" (Iu verkisto naskiĝas kaj mortas).

Do, en oktobro 2002 oni festas lian datrevenan centjariĝon. Kiel en ĉiuj lingvoj, en ĉiuj landoj, inter amaso da poetoj kaj pliaj poetoj, estas certaĵo, ke kelkaj reliefiĝas. Por ekzemplo,en Esperantujo certe Kalman Kalocsay estas inter la korifeoj de nia poezio. En la brazila literaturo, estas ne malmultaj la elstaraj poetoj, kaj inter tiuj tre speciala estas Carlos Drummond de Andrade, kiu estas por multaj nia plej brila poeto.

El familio de dekadencaj bienistoj, li lernis kaj en la lernejo de la jezuitoj en la urbo Nova Friburgo (MG), kaj tie li estis eksigita sub la akuzo pri "mensa malsubiĝo" (pri kio temas ĉi tio, neniu scias).

Reveninte en Belan Horizonton (ĉefurbo de la ŝtato Minas Gerais, kie la venontan julion okazos la 38a Brazila Kongreso de Esperanto), li komencis sian karieron kiel verkiston kiel kunlaboranto de la ĵurnalo *Diário de Minas* (Tagĵurnalo de Minas), kiu arigis la tieajn adeptojn de la komenciĝanta modernisma minasa movado (Carlos Drummond diplomiĝis pri Farmacio, sed neniam plenumis iun ajn rolon sur tiu kampo). Li fondis kune kun aliaj verkistoj *A Revista* (La Revuo), kiu sufiĉe gravis kiel modernisma periodaĵo en Minas Gerais.

Tamen, modernismo ne estis kerna karaktero eĉ ne en la unuaj libroj de Drummond. Li entreprenis ankaŭ sur la kampo de tradukado. Iuj verkoj de aŭtoroj kiel Balzac, Chordelos de Lados, Marcel Proust, García Lorca, François Mauriac kaj Molière estis eldonitaj en Brazilo danke al la diligenteco de Carlos Drummond de Andrade kiel tradukisto. Aliflanke, pluraj verkoj de la poeto estis tradukitaj en la hispanan, la anglan, la francan, la italan, la germanan, la svedan, la ĉeĥan kaj en aliajn lingvojn.

Estas bedaŭrinda fakto, ke ne multaj el liaj poemoj estis tradukitaj en Esperanton. Carlos Drummond de Andrade meritas plenan poemaron en la internacia lingvo.Ni esperas, ke tiu ĉi artikolo instigu al novaj tradukoj de liaj poemoj en Esperanton.

Inter la malmultaj esperantigitaj poemoj de Carlos Drummond de Andrade, estas Meze de l' Vojo. En ĝi, Drummond per vera poemfara talento el simpla ŝtono kreis unu el liaj plej konataj, amataj kaj kritikataj poemoj. Jen *Meze de l' vojo*, laŭ traduko de Roberto Passos Nogueira:

*( Daŭrigas sur paĝo 16 )*

# Jozefo*

Carlos Drummond de Andrade

Kaj nune, Jozef'?
la festo finiĝis,
la lum' estingiĝis,
popol' malaperis,
vespero frostiĝis,
kaj nune, Jozef'?
kaj nun, Joakim'?
kaj nune, Rajmundo?
kaj nune, vi mem?
Vi mem, sennomulo,
vi mem, mokemulo,
vi, versofaranto,
amanto, plendanto?
kaj nune, Jozef'?

Jen vi, sen edzino,
jen vi, sen dorloto
kaj sen parolado,
jam ne povas plu
drinki,
jam ne povas plu fumi,
eĉ sputi ne povas,
jam frostas la nokt',
la tago ne venis,
la tramo ne venis,
ne venis la rido
nek la utopio,
sed venis la fin',
kaj ĉio forfuĝis,
kaj ĉio ŝimiĝis,
kaj nune, Jozef'?

Kaj nune, Jozef'?
Via milda parolo,
viaj febraj momentoj,
manĝegemo kaj fasto,
via biblioteko,
via ora verkemo,
via vitra vestaĵo,
via malkohereco
kaj malamo — kaj
nun?

Vi ŝlosilon kunportas
por malfermi la
pordon,
sed ne plu estas
pordo;
en la mar' volas morti,
sed sekiĝis la mar';
volas iri al Minas,
sed ne plu estas
Minas!
Jozefo, kaj nun?

Se vi povus krii,
se vi povus ĝemi,
se vi povus ludi
la vienan valson,
se vi povus dormi,
se vi povus laci
se vi povus morti...
Tamen vi ne mortas,
vi rezistas, Jozef"!

Sola en mallumo,
kiel best' sovaĝa,
sen teogonio,
kaj sen muro nuda
por apogi vin,
sen ĉevalo nigra
por fuĝad' galopa,
vi sekvas, Jozef'!
Sed, Jozefo, kien?



*Esperantigita de Sylla Chaves.*

*Meze de l' vojo estis ŝtono*
*estis ŝtono meze de l' vojo*
*estis ŝtono*
*meze de l' vojo estis ŝtono*

*Neniam mi forgesos tiun okazon*
*en la vivo de miaj lacaj retinoj.*

*Neniam mi forgesos ke meze de l' vojo estis ŝtono*
*estis ŝtono meze de l' vojo*
*meze de l' vojo estis ŝtono.*

Ni atendu novajn tradukantojn el la novaj generacio de brazilaj novtalentaj esperantistoj. Ni ja esperas, ke meze de l' vojo estu pliaj tradukoj* el liaj poemoj.

*Alia fama poemo de Drummond, Jozefo, vi povos ĝui sur paĝo 15.

# Al iu junulo

**Carlos Drummond de Andrade**

*Estimata Alipjo:*

*Hieraŭ vespere, kiam vi lasis mian apartamenton, en kiu vi estis serĉe de greka saĝeco kaj nur trovis konjakon kaj katon nomatan Krispin', mi decidis skribi kion mi estis dirinta al vi. Leciono pri skeptikismo? Ne. Tion oni mem lernas. La sola afero, kiun oni povas svage konkludi pri tio, kion ni babilis: ne indas praktiki beletron se ĝi kontribuas al la pligravigo de la manko de karitato, kiun ni denaske havas.*
*Ĉi tial kaj pro malefikeco, mi ne faras al vi konsilojn. Mi faras malkonsilojn, mia filo. Kaj se mi nomas vin filo, pardonon: tio estas manio de plejaĝuloj.*
*Mi povus nomi vin frato, ni estas tiel similaj, malgraŭ la tempo kaj la fizika detalo: ni ambaŭ kultivas la iluzian realon, kiu estas bono kaj malbono por la animo. Ne restas multaj eblecoj, kiam oni naskiĝis nek por la negocoj, nek por la politiko, nek por milita metio. Nia afero estas la admirado de la nubo. Almenaŭ tio ne faru nin tro malsimpatiaj al la samaĝuloj okupiĝantaj pri pli laikaj aferoj. Kolektu do tiujn ĉi notojn, Alipjo, kaj sciu, ke mi estimas vin:*

*I - Nur verku tiam, kiam tute maleblas ne fari tion. Ĉiam eblas.*
*II - Kiam vi verkos, ne kredu, ke vi trarompos la pordojn de la mondmistero. Vi nenion trarompos. La plej bonaj verkistoj nur povas fortikigi ĝin kaj ne postulu de vi mem tiel grandan faron.*
*III - Se vi estos hezitema inter du adjektivoj, forĵetu ambaŭ kaj uzu substantivon.*
*IV - Ne kredu je originaleco, kompreneble. Sed ankaŭ ne kredu je banaleco, kiu estas ĉies originaleco.*
*V - Multe legu kaj forgesu kiel eble plej multe.*
*VI - Notu la ideojn, kiuj prezentiĝos al vi sur la strato, por ke vi ne disvolvu ilin. La hazardo estas misgvidanto.*
*VII - Ne fieru se oni diros al vi, ke via nova libro estas pli bona ol la antaŭa. Tio signifas, ke la antaŭa ne estis bona.*
*VIII - Sed se oni diros, ke via nova libro estas pli malbona ol la antaŭa, eble oni pravas.*
*IX - Ne respondu al atakoj de tiuj, kiuj ne havas beletran kapablon: tio estus vana. Kaj se la atakonto havas kapablon, tiu ne atakas, ĉar jam estas okupata.*
*X - Ĉu vi kredas, ke via infanaĝo estis mirinda kaj meritas konstantan rememorigon en viaj verkoj? Viaj infanaĝaj kunuloj plu vivas kaj malsamopinias.*
*XI - Ne humile salutu la gloran verkiston, nek arogante salutu la obskuran. Eble neniu el ili valoras kion ajn kaj ĉiukaze indas esti atentema al la proksimulo, eĉ se tiu estas verkisto.*
*XII - La pordisto de via loĝejo tre probable ignoras la ekziston de eksterordinara verkisto en la konstruaĵo. Ne pro tio kredu, ke ĉiuj modestaj salajruloj estas nesentemaj rilate al la literaturo aŭ ke nepre estas eksterordinaraj verkistoj en ĉiuj etaĝoj.*
*XIII - Ne faru kopiojn de viaj leteroj pensante pri la estonto. Fajro, humideco kaj tineoj povas senutiligi vian zorgon. Estas pli simple fidi je la manko de metodo de tiuj tri literaturaj kritikistoj.*
*(1953)*

*(r)Teksto el la libro "A bolsa & a vida" [La mansako kaj la vivo], Eld. José Olympio - Rio de Janeiro, 1974, p. 96. Esperantigis James Piton*

# La Cseh-metodo en novaj vestoj

*Orellana Rojas, la nuna ĉefmotoro de IEI – Internacia Esperanto-Instituto kaj sekve de la Cseh-metodo, informis antaŭ nelonge la novaĵojn rilate al la sistemo por formado de novaj instruistoj laŭ la famkonata metodo. Jen ĉi-sube la oficiala komuniko:*

Internacia Esperanto-Instituto (IEI) jam de 1929 okupiĝas pri la edukado de novaj instruistoj kapablaj gvidi kursojn laŭ la Cseh-metodo.

De la jaro 1976 la lernado kiel gvidi rektmetodajn kursojn estas dividita en 3 diversgradaj seminarioj (nomataj A, B kaj C).

• Inter 1998 kaj 2002 IEI okazigis en diversaj mondopartoj la jenon:

• 1998: 10 Seminarioj kun ĉeesto de 99 seminarianoj

• 1999: 7 Seminarioj kun ĉeesto de 44 seminarianoj

• 2000: 7 Seminarioj kun ĉeesto de 101 seminarianoj

• 2001: 12 Seminarioj kun ĉeesto de 134 seminarianoj

• 2002: 11 Seminarioj kun ĉeesto de 122 seminarianoj

• Temas, do, pri entute 47 diversgradaj seminarioj kun la ĉeesto de entute 500 seminarianoj en tiu 5-jara periodo.

Repensinte la enhavon de la tuta eduka programo kaj ĝiaj celoj, IEI decidis lanĉi ekde la 1-a de januaro 2003 renovigitan sistemon por diplomiĝi kiel Cseh-instruisto. La programo konsistos el 2-grada lernado: Enkonduka kaj Diplomiga Seminarioj. Dum ili la temoj pritraktataj estos la pedagogiaj principoj de rektmetoda lingvo-instruado. Kompare al la nuna sistemo estas konstateblaj kelkaj ŝanĝoj, ekzemple, la nuna sinsekvo de 3 diversaj seminarioj (A, B kaj C) forfalos kaj ni havos nur 2 seminariojn: Enkondukan kaj Diplomigan. Estas ankaŭ modifoj en la programaj enhavoj, la taksosistemo, ktp.

En la Enkonduka Seminario (ES) estos analizataj la pedagogiaj principoj kaj la bazoj de rektmetoda lingvoinstruado. Ankaŭ la specifaj trajtoj de Cseh-metodo estos tiam prilaboritaj. La Diplomiga Seminario (DP) centriĝos en ĝenerala metodiko, didaktiko kaj konatiĝo kun rekt-metodaj lerniloj. Fine de ES ne okazos ekzameno, sed jes fine de DP kaj tiu ekzameno estos antaŭ internacia ekzamena komisiono.

IEI havas nun ankaŭ novan Ekzamenan Regularon, kiu estas disponebla al ĉiuj interesiĝantoj.

Ĉio ĉi signifas, do, ke ekde la 1-a de januaro 2003 ne plu okazos la ĝis nun konataj kiel A-Seminarioj pri Cseh-metodo.

Pliajn informojn eblas ricevi rekte de Internacia Esperanto-Instituto:

*Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando, Rete:* iei001@tiscali.nl

# Ses preciozaĵoj el La Praktiko



***La Praktilo** estis gazeto fondita en 1930 kaj eldonita de Internacia Cseh-Instituto. Ĝi ne plu ekzistas, sed siatempe ĝia sukceso estis tre granda. Inter la kunlaborantoj troviĝis D. Wranka, kiu per trafaj, foje naivaj, sed neniam maltrafaj, prezentis sian konceptojn pri movadaj kaj ne-movadaj okazaĵoj. Omaĝe al **La Praktilo** kaj **D. Wranka**, ni prezentas ses specimenojn, kies etoso ankoraŭ aktualas.*




*La esperantistaro:* Se vi mem ne volas iri, ni puŝos vin sur la ĝustan vojon! *(D. Wranka)*




*FRANDEMAJ MUSOJ (en la eldonejo de La Praktiko):* Kamarado, ĉu ankaŭ vi rimarkis, ke la Esperantaj libroj estas multe pli bongustaj ol la aliaj? Feliĉe, ke la Esperantistoj ne foraĉetis ĉiujn okaze de la libro-tago! *(D. Wranka.)*



*F-ino Esperantismo (la konscienco de la homaro) al la ĉefaktoroj de la mond-teatro:* Jen, sinjoroj, via novjar-saluto! Nur ĉi tion vi meritas pro la skandalo, kiun vi faris sur nia scenejo. *(D. Wranka.)*




*La spirito de Don Kiĥoto:* Jen la ideala lando, kie abundas ventmueliloj kaj kavaliroj. . . . de la verda stelo! *(D. Wranka)*




*La edzino de nia trofervora samideano:* Unue manĝi! Poste vi povos iri al via malbenita kunveno! *(D. Wranka)*




*La esperantisto:* „Mi uzas la kapon por pli bona celo!" *(D. Wranka.)*

# *Atlaspatoart plivivantigas la esperanto-vivon*







*La talentaj kaj maturaj gejunuloj el Pato Branco, sub la reĝisorado de Eliane Gauze kaj apogo de Atlas, fabriko de fornoj, ne nur organizis sukcesan Internacian Junularon Kongreson, sed ankaŭ prezentis spektindan teatraĵon, nome "La domo kiu timigis", kaj kadre de la IJK en Pato Branco kaj de Universala Kongreso en Fortalezo. Tiel oni trupe plivivantigas movadon kiel la nian.*



***La domo kiu timigis estas verkaĵo de Leandro Dourado, esperantigita de Mima kaj Carlos Eduardo. La aktoroj estas:*** *Ismari Carlo, Izzabel Vazzata, Nelson Junior da Luz, Gláucia Scapini, Daiane Scortegagna, Juliane Malgarin, Claudia Pastro, Claudia Dallastra, Reinaldo Krigier, Juliano da Lima, Grazieli da Silva, Leandro Dourado, Felipe Gauze, Aline Gauze, Gabriel Gauze, Jociandro Almeida, Rodrigo Simionatto, Rosana Pereira, Emanuel Damaceno, Felix Richardt, Everton Trombetta, Adriely Machado*

# *Komerci estas necese*

Kiam la unua samideano riĉiĝos per la internacia komerco per Esperanto kaj kiam niaj e-entreprenoj fariĝos konkurantoj de la entreprenoj uzantaj la anglan lingvon, tiam la mondo agnoskos Esperanton.

Se vi proponas vin kiel entrepreniston IKEF estas via faka asocio. Ĝi laŭstatute celas al la disvastigo de la internacia lingvo Esperanto en la kampoj komerco, ekonomio kaj ekonomia scienco. Ĝi provas atingi tiun ĉi celon per jenaj agadoj:

- *eldoni ĝisdatigitajn fakajn terminarojn*
- *ebligi renkontiĝojn de membroj, organizi studseminariojn*
- *helpi membrojn kiuj uzas Esperanton en siaj komercaj rilatoj, ekzemple faciligante reciprokajn interŝanĝojn de informoj*
- *eldoni fakan revuon aŭ bultenon kaj/aŭ subteni eldonadon de tiaj revuoj aŭ bultenoj, verki fakajn artikolojn en la Esperanta gazetaro*

*Krome, nepre partoprenu la liston por internacia entreprenado, se vi pretas profesie agadi sur la kampo de internacia komerco.*
*Sendu malplenan mesaĝon al*
***komerco-per-esperanto-subscribe@yahoo.com***
*Atentu, ke ne temas pri diskutlisto, sed pri perilo de internacia konkreta negocado.*

**I K E F**
Internacia Komerca kaj
Ekonomia Fakgrupo

Peranto en Brazilo:

*G i l b e r t  L e d o n*

Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão-SP

Teksto de Gacy Simas Desegnoj de Elison Traduko de Valério Rodolfo






















* Eksterterano

Oni serĉas komiksistojn por projekto rilatanta humuron kaj komiksojn (bildstriojn) en Esperanto. Se vi estas interesata, bonvolu skribi al la jena retadreso: hodos@free.fr





# Taguatinga

## La urbo

Taguatinga estas urbo videble progresinta kaj prezentas tipajn nuntempajn metropolajn problemojn ekzemple konfuzan kaj ĥaosan trafikon ĉe kelkajn tagajn periodojn.

Laŭ la popolnombrado okazinta en la jaro 2000, Taguatinga havis tiam 243.343 loĝantojn.

Inter la plimulto de la problemoj alfrontataj de la urbanoj, elstaras la malrespekton al la reguloj de reciproka kunvivado ekzemple la okupado de trotuaroj per kolportistoj kaj aliaj neleĝaj vendistoj kiuj ne respektas la aliulajn rajtojn veni kaj reveni; troa bruado de laŭtparoliloj ĉe specifaj sonor-aŭtoj kaj antaŭ butikoj kiuj, surbaze de laŭta bruado, trudas sian reklam-manieron.



Foto: Interreto



Foto: Interreto

En Taguatinga ekzistas 5 gazetoj; 1 radistacio kaj 1 televidkanalo, 2 muzeoj; 3 teatroj; 15 kinejoj; 3 porartaj galerioj, 1 Filharmonia Orkestro.

## La Movado

La esperantan movadon en Taguatinga komandas TEK - Taguatinga Esperanto-Klubo, organizaĵo fondita je la 9-a de julio 1993. De tiam ĝi strebas disvastigi la Internacian Lingvon Esperanto ĉefe pere de kursoj kaj eventoj.

De 1998 TEK organizas, ĉiam je la 3-a dimanĉo de septembro, eventon nome EET - ESPERANTA RENKONTIĜO DE TAGUATINGA. La 5-a EET okazis je la 15-a de septembro 2002, kun 115 partoprenintoj. Dum tiaj eventoj ordinare okazas prelego, video-filma prezentado, muzik-kantoj, teatraĵetoj, ekspozicio kaj disvendado de libroj, revuoj kaj diversaj aliaj esperantaĵoj. TEK kaptas la efektivigon de la evento por iomete propagandi Esperanton per la skrib- radi- kaj televid-gazetaro.

Specife por la esperantistaro, TEK okazigas, ĉe sia sidejo, la MATEN-KAFO-n, ĉiam je la lasta dimanĉo de ĉiu monato, tiu estas unu el la plej taŭgaj okazoj por babili, aŭdi prelegeton, prelegi, deklami, kanti kaj kune manĝi, trinki kaj kotopoi Esperante. Kiam vi, kara leganto, planos vojaĝi al la brazila ĉefurbo, ne forgesu enmeti en vian vojaĝ-planon partoprenon en almenaŭ unu el la TEK-eventoj.

Kontakti TEK-on perrete per *carlosmaria@terra.com.br*

# Ses tagoj en Flandrio

Gbeglo Koffi

*De la 19-a ĝis la 25-a de majo 2002 mi restis en Flandrio. Vizitoj al lernejoj, Esperantistoj kaj lokoj konsistigis la menuon sestagan, kies celo precipa estas la disvastigo de Esperanto en Afriko. "Per Esperanto por Esperanto" estas agado, en kiu kontribuu ĉiuj Esperantistoj, ĉar ĝi ja estas vera ilo por disvastigi Esperanton.Tion ĉi celis la tagoseso, kiu trudiĝis al mi en Flandrio.*

## Kia estis la tagaro?

La 19-an de majo, vespere, mi alvenis al Antverpen-Berchem. Tie mi atendis malsupre miajn gastigontojn, dum ili vane serĉadis min supre. Ni tamen retrovis unu la alian post formorto de kelkaj minutoj: Agnes kun sia filo David bonvenigis min. David ŝoforis nin, kaj en la aŭto ni interŝanĝis vortojn en la franca. Kiu legas tiujn ĉi vortojn, tiu tuj prave divenos, ke Agnes kaj mi jam faris interkonsentojn. Jes, okazis tiel.

En decembro, Agnes vizitis Togolandon. Tiam ŝi diris al mi:"Kiam vi ĉeestos ankoraŭfoje estrarkunvenon de UEA, bonvolu viziti nin en Flandrio". Mi nun estas estrarano de UEA kaj en decembro 2001 estis vojaĝonta januare al Nederlando. Tiam la vizito al Agnes tute ne povis esti ebla. La januara kunsido de la estraro de UEA necesigis plian kunvenon en majo. Iro al Flandrio estu nepra pro du aferoj - Post la estrarkunveno de UEA mi restos kelkajn tagojn pliajn en Eŭropo, kaj tiujn ni utilacele uzu. Hans BAKKER, la komisiito de UEA pri la afrika agado, proponis ke mi vizitu la flandrinon Flory WITDOECKT, ankaŭ kiu kontribuas en la monvarbado por la starigo de E-lernejo en Togolando.

- Mi nepre vizitu Agnes !

Ekde februaro ĝis la 15-a de majo, Agnes kaj mi interŝanĝadis retmesaĝojn por la vojaĝo. Ŝi estas la kerno de ĉio : rilati kun Flory, kun lernejoj, la klubo La Verda Stelo, ktp. Ĉion ŝi zorgeme pretigis.

La 17-a de majo estis la unua tago de la estrarkunveno de UEA, kaj tiam mi sciis, ke jam la 19-an de majo, posttagmeze mi estos libera. Jen mi telefonis al Agnes, kaj ni interkonsentis, ke la 19-an de la monato mi estos en Flandrio. Jes, tio okazis kiel planite.

La domo de Agnes fariĝis mia propra.

Apartan mencion havu mia interparolo kun Sofia. Tiu ĉi estas Ganaano loĝanta en Antverpeno; kvankam ambaŭ ni estas afrikanoj kaj niaj landoj najbaras, ni tute ne povis paroli unu al la alia. Mi scipovas la francan, kaj ŝi la anglan. Eĉ niaj gepatraj lingvoj tute ne similas unu la alian.

David devis interpretisti tiam. Kiom malhelpemaj estas lingvaj baroj. Mi tamen ĝojas, ke en la domo mi uzadis la francan kun la aliaj domanoj.

La unua Esperantisto, kiun mi havis la honoron renkonti, estis Jules VERSTRAETEN. Memorindas, ke li estas mecenato de Benina lernejo. Estis la 20-an de majo, posttagmeze. Ni renkontiĝis ie en la urbo, promenetis kune, babilante pri nia movado, pri Afriko.

Ni vizitis ankaŭ monumenton de la reĝo Bodoueng, trinkis ion antaŭ ol disiĝi. Jules reiris hejmen, dum Agnes malkovrigis la urbon al mi. Ni iris sub lagon, tra tunelon, atingis alian parton de la urbo. Estis la pentekosta tago, kaj la urbanoj ofertis belegajn spektaklojn : statuiĝon de homoj, dancojn, muzikadon, ktp. Ĉar la nokto neniam pigras, ĝi tuj avertis nin, kaj ni reiris hejmen. Vespermanĝo jam de Guido pretigita kaj dormo kondukis nin al la 21-a tago, kiam mi vizitis la urbo Turnhout.

Matene jam je la 8-a Ivo Durwael alvenis al la domo de Agnes. Li veturigis min al tiu urbo, kie mi respondis demandojn de tieaj loĝantoj, plenkreskuloj lernantaj Esperanton. Homoj ŝatus scii pri Afriko, Togolando. Kelkaj en la grupo parolas Esperanton flue, dum aliaj estas komencantoj. Estis agrabla etoso. Mi vendis tie librojn profite al la afrika agado, parolis pri afrikaj misteroj/fortoj mistikaj kaj montris bildon de parolanta kapo, kiun Agnes fotis dum sia restado en Togolando en decembro 2001. Je ĉirkaŭ la 12-

a horo ni revenis al mia domo en Deurne. Rapida lunĉo prenis de mi kelkajn minutojn, post kiuj Agnes akompanis min al la lernejo St Jozefinstituut. Ŝi havas biciklojn; du el ili estas esceptaj, ĉar unu havas motoron kaj la alia, specon de elektra forto, kiu facile movas ĝin. Ŝi uzis la motoran kaj mi la elektran. Per la bicikloj ni atingis la lernejon, kie ŝi siatempe instruis la francan. Okazis en la franca du sesietoj po unu horo en la dua kaj tria klasoj. La lernantoj 15/16-jaraj per la franca demandis ĝenerale pri Togolando. Lucia kaj Martina, instruistinoj pri la franca, organizis la tutan aferon en la lernejo. Kun donacetoj de la lernejo al mi ni revenis hejmen.

Vespere mi per vagonaro iris al Bruĝo. Heidi HOES venis renkonte al mi en la stacidomo. Heidi jam du fojojn vizitis Togolandon, kie ŝi restadis monatojn. Ŝi tiel fariĝis pli ol Togolandanino, kaj ĉiuj Togolandaj geesperantistoj "enamiĝis" al ŝi kaj reciproke. Kiam mi telefonis de Roterdamo al ŝi, tiu ĉi demandis, ĉu mi havas grandan bagaĝon. Vere mi ne komprenis la demandon. Kiam Deurne kaj ankaŭ Agnes telefonis al ŝi, la sama demando venis. En Bruĝo, kiam ŝi montris al mi faskon da aferoj prenindaj, tiam mi komprenis ĉion. Bedaŭrinde mi havis nur saketon, kiu povis preskaŭ nenion preni el la donacoj de Heidi. Ŝi tuj proponis sian grandan valizon.

La 22-an de majo, matene, kiam mi de malproksime vidis kapon kun blanka hararo, mi tuj rekonis Flory-n. Ŝi kaj Walter, jam minutojn, atendis min ĉe la stacidomo de Oostende. Certe ili kredus, ke de Togolando al Eŭropo mi venis kun la peza valizo kaj mansako. Nun ĉiuj sciu, ke nur mansakon mi kunportis de Togolando, kaj ke la granda valizo ege peza estas la ujo da donacoj de Heidi. Walter suferis pro portado de la pezegaĵo. Ni tamen eniris halon de la stacidomo de Oostende, kie ni atendis kelkajn minutojn antaŭ ol viziti apudan lernejon teknikan, kies klaso partoprenas en la projekto Euroscola.

Mi respondis demandojn de la lernantoj pri Togolando, Afriko, pri Esperanto, ktp. Flory kaj Walter vidigis al mi la tutan lernejon kun la diversaj fakoj. Ĉiuj metiejoj estas plenaj je necesaj maŝinoj.

Tagmeze ni revenis al la domo de Flory, kie mi havis mian ĉambregon, mi diru "apartamenton". Tiam okazis ne lunĉo, sed tagmanĝo. Kelkajn minutojn poste ni vizitis la skabenon pri eksteraj aferoj. La kialo de la vizito estis trovi financeblecon ĉe la skabeno por nia projekto "E-lernejo". La skabeno klarigis ĉion kaj montris kiel esperinde estas daŭrigi la klopodojn. Mi revenis hejmen kun Walter, dum Flory daŭrigis sian bicikladon. Kelkajn minutojn poste alvenis Germain PIRLOT.

Mi tute ne povis ne diri al Germain, ke li kulpas pri mia Esperantisteco.

Li bone komprenis kiel li kaptis min al Esperanto. Ni babilis pri multaj aferoj koncerne informadon, instruadon kaj utiligadon de Esperanto.

Tiam devis okazi ankaŭ la inaŭguro de la ekspozicio de la infandesegnaĵoj en la urba biblioteko kun la ambasadoro de Uzbekio. Germain kaj mi piediris de la domo de Flory tien. Survoje Germain ofertis fruan vespermanĝon al mi. La vizito al la urba biblioteko sekvis poste.

Kiam ni alvenis, ni trovis tien Flory, kiu interparolis kun ĉiuj. Estis skabenoj, funkciuloj de la ambasado de Uzbekio en Belgio, kaj aliaj invititoj. Post la inaŭguraj paroladoj alvenis la ambasadoro, kiu kvankam malfrua, tamen angle diris ion. Jam antaŭe liaj reprezentantoj transdonis france lian mesaĝon. Flory trafe montris kiel grava estas Esperanto en tia medio, kie tiam kvar kontinentoj kuniĝis: mi reprezentis Afrikon; funkciuloj de la Uzbekia ambasado, Azion; la edzino de la skabeno (brazilanino), Amerikon; kaj la ceteraj partoprenantoj, Eŭropon.

La postan tagon, la 23-an de majo, matene, je la oka, aperis Walter kaj Flory ĉiam rapide moviĝemaj. Mi ne sukcesis ne montri mian admiron al ili pro ties granda aktiveco. Mi tute aprobis diron de Flory, kiu ŝatus havi tri tagojn (72 horojn) en unu tago. Mi demandas min, ĉu tamen tio sufiĉos al ili? Flory rakontadis pri sia forta interesiĝo pri kulturo kaj Walter pri la utiligado de Esperanto. Ambaŭ tamen havas la saman intereson: la agadon" per Esperanto por Esperanto". Ili per trafaj vortoj kaj konkretaj klopodoj pruvadis tion. Kvankam jam 70-jaraj ili plupretas oferi sin por tiu agado per/por Esperanto, kaj ni Esperantistoj nur kunlaboru kun ili, profitu de iliaj klopodoj/atingoj/spertoj

por disvastigi Esperanton. En tiu ĉi konversacio okazis komuna matenmanĝo, post kiam ili akompanis min al la stacidomo, de kie mi vojis al Antverpeno kun donaco de Flory.

Agnes tute prave miris: la valizego timigis ŝin. Mi foriris de ŝi kun mansaketo, sed nun ĉe la stacidomo de Antverpen-Berchem ŝi vidas min kun valizego kaj la mansako. Kion fari? Nur porti la aferojn hejmen, ĉu ne?

La granda valizo sidis sur la biciklo de Agnes, kaj la mansako pendis sur mia maldekstra ŝultro. Mi deziris piediri ĝis la domo, kaj tiel mi povis plumalkovri la lokon. Metinte la ŝarĝegon supre en mian ĉambron, mi revenis malsupren. Okazis lunĉo kaj ripozeto, kaj poste eliris du bicikloj. Ni iris ĉirkaŭ dek kilometrojn kaj tiam trafis la lernejon Wijnegem.

Mi devis respondi demandojn buntajn de lernejanoj pri Togolando, Afriko. Mi parolis pri vivo en lernejo, pri religio, pri ktp. Ĉirkaŭ unu horon poste, donacon de la lernejo en miaj manoj, ni revenis hejmen, de kie ni iris al urbocentro por partopreni Esperanto-kurson. Tiam estis ne kurso, sed kunmanĝo. Mi havis la okazon konatiĝi kun Iwona, Alex, Leen ktp, paroli kun komencantoj tiam ekzercantaj. Tiu ĉi renkontiĝo estis kvazaŭ enkonduko al tiu de la posta tago en la klubo.

### La Verda Stelo.

La 24-a tago de majo naskiĝis. Ĝi estis la precipa el miaj tagoj en Flandrio. Kion diri al la klubanoj de LVS? Jam antaŭe Agnes kaj mi interkonsentis pri la plano PRIORITATO AFRIKO. La antaŭtagmezon de tiu tago mi poluris mian tekston prezentotan, pretigis dokumentojn disdonendajn dum la prezentado, kaj elektis librojn Afrikajn vendotajn profite al la afrika agado. Tiam Agnes transdonis al mi donacon de Leen. Iom antaŭ la kvina horo Agnes kaj mi estis en la sidejo de FEL (Flandra E-ligo).

Mi estis tiom frue en la loko, ĉar mi rendevuis kun Togolandanoj, kun kiuj mi parolu. Bedaŭrinde ĉe nia alveno, ne jam estis tie miaj samlandanoj.

Agnes kaj mi multobligis la disdonotajn dokumentojn, kaj poste pretigis la manĝotablojn. Laŭmezure kiel pasis la tempo, venis ankaŭ homoj. Inter tiuj estis ankaŭ la du Togolandanoj: Unu estas Esperantisto kun la nomo Maurice kaj la alia, ekslerninto mia de matematika kurso; lia nomo estas Elie. Dum kelkaj minutoj ni interparolis, kaj kiam venis la manĝotempo, ĉiuj ni sidis ĉetable.

Trinkaĵoj, supoj, kukoj, ktp. Estis ĉiaj manĝoj. Mia internacia lango ebligis al mi ne nur gustumi sed manĝi multon de ĉio. “Bone, Koffi, Bone”, gratulis min Iwona, kiam mi prenis kvinafoje manĝaĵojn. ĉar ĉiuj trinkis, ankaŭ mi ion provis: mi memoris la blankan vinon, kiun Germain PIRLOT trinkigis al mi, kaj tian mi petis. Ne ĝin mi ricevis, sed alian.

Mi ege malfacile eltenis ĝin. Minutoj pasis kun la malapero de la manĝaĵoj, kaj jen ni en la momento de la prelego.

Miaj unuaj vortoj al la ĉeestantoj koncernis min: mia naskiĝo en vilaĝo, studado en vilaĝoj kaj ĉefurbo, kredado, veno al Esperanto, mia estraraniĝo en UEA, kaj nia plano por la antaŭenigo de la afrika agado.

Kio pli gravas en ĉio nun, tio estas la prizorgado de la afrika agado post la baldaŭa retiriĝo de Hans BAKKER. La eksteraj kluboj helpu al Afriko.

Tial ĉi estu starigata ĉe ĉiu klubo/asocio subtenantaro de la afrika agado.

Konsistigo de la afrika kapitalo precipas, ĉar ĝi ebligos al la afrika agado havi konstante monon je sia dispono por disvastigi Esperanton.

Mi devis ankaŭ diri miajn impresojn pri Flandrio, pri la urboj, la homoj, la gastamo. Respondante demandojn, mi donis pli da klarigoj pri mi, nia lando, nia movado Afrika, pri la mistikaj fortoj de Afriko. Mi montris la bildon de parolanta kapo, kaj informis, kiel homoj facile maĉas kaj poste glutas glasaĵojn (ne glaciaĵojn). Dume kuŝas sur la tablo libroj vendataj. Tie montriĝis vera solidareco de niaj gesamideanoj.

La kunmanĝon organizis LVS por enspezigi iom da mono por la Afrika fondaĵo. Krome la partoprenantoj estis petataj donaci ion por la afrika agado. La vendo de libroj, la kunmanĝo kaj la donacetoj povis disponigi pli ol du cent eŭrojn al la afrika agado. Tio ĉi estas bona kontribuo, ĉu ne ? Enmanigante al mi donacon de la klubo LVS kiel honorarion pro la prelego, Iwona diris : “Koffi, vi ĉiam estas bonvena ĉe ni. Iam, kiam vi estos en Eŭropo, ni povos ion tian

ankoraŭfoje organizi por la afrika agado". Dankon, Iwona, ĉio dependas de la longeco de nia vivo. Mi jam estas dumviva Esperantisto, kaj oferas min por nia lingvo. Ĝuste tial mi povos iam reveni, sed ne pro la paradizeco de Eŭropo, kiujn prikantas kaj afrikanoj kaj eksterafrikanoj. Babiladoj daŭris iom longe en la nokto, kaj fine Alex devis veturigi nin al la domo de Agnes. La nokto estis mallonga, ĉar mi devis paki ĉion por foriri frumatene.

"Kiom da kilogramoj vi rajtas havi ĉe la flughaveno", demandis Agnes, kiam, la 25-an matenon majan, ŝi vidis, ke aliaj kilogramoj aldoniĝis al la jam donitaj de Heidi. Agnes mem ne povis malhelpi sin: ŝi donacis multon, el kiu parton mi kunportis, kaj alian parton ŝi jam sendis poŝte al Togolando.

La frumatena iro de Antverpeno al Nederlando estis vere streĉa, ne pro la disiĝo, sed pro la pezegaj aferoj. La bicikloj de Agnes kaj Heidi vere tute ne sufiĉis. Tamen ili devis labori, ke finfine la pakaĵoj atingis la stacidomon, kie atendis min s-ino Stela DE WEERD. Certe vi ne kredus, ke ŝi kvankam maljuna helpis min portante unu el miaj pezaĵoj dum longa marŝado en Nederlando (kaj en Roterdamo kaj en Utrecht), kie mi retrovis Hans BAKKER, kaj de kie mi forflugis la 26-an de majo, frumatene, al Togolando. Helpemaj kaj gastamaj ĉiuj estas.

Flandrio estas gastama. Ĝin mi ekkonis per Heidi GOES. Tiun ĉi mi tutkore dankas pro ŝia enamiĝo al Togolando. La danko trafluu ŝin por atingi ĉiujn aliajn personojn. Agnes kaj ŝia tuta familio unuflanke, Flory kaj Walter aliflanke, dorlotis min dum mia restado en Flandrio. Mi alvenis al Flandrio 75 kilogramojn peza, sed ĉe mia reiro de la domo de Agnes, mi trovis min 90-kilograma. Alex, Iwona, Ivo, Leen, ktp. estis aliaj dorlotemuloj. Kaj ĉe la supro sidas LVS kaj Konko, Belgujo, Eŭropo kun belaj konstruaĵoj, asfaltitaj vojoj, tramoj, busoj, trajno, bonaj manĝoj/trinkoj, ktp. Jes tiaj aferoj mankas al mi en Togolando. Ĉu tial mi diru, ke riĉlandoj estas paradizo kaj Togolando ne ? Eble la fenomenon PARADIZO ni unue konu!

La evangelio de Tomaso tute ne aperis en la Biblio. Ĝi eĉ ne estas akceptita inter la apokrifaĵoj, kvankam ĝi enhavas gravajn erojn. Unu el tiuj ĉi estas:

"Se la paradizo estas en la ĉielo, la birdoj ĝin atingos antaŭ ol la homoj; se ĝi estas en la akvoj, la fiŝoj ĝin atingos, antaŭ ol la homoj. La paradizo estas en ĉiu homo. Tial ĉi ĉiu homo konu sin mem, kaj atingu ene de si tiun paradizon". Bele, ĉu ne?

En la homo tute ne estas aŭto, nek mono, tamen en ĝi estas paradizo. Do ne nur en riĉlando estas paradizo, ĉar ne nur tie estas homoj. En malriĉaj landoj estas ankaŭ paradizo kiel en la riĉaj estas ankaŭ malparadizo. Paradizeco dependas ne de la mono/riĉaĵaro, kiun oni havas, sed de la maniero laŭ kiu oni akceptas sin. Homoj posedas miliardojn da miliardoj da dolaroj, sed ili ne estas feliĉaj; sed homo kun neniom da mono montras sin feliĉa. Aferoj estas al ni vere ne konataj. Tial ĉi ni ĉiam baziĝas sur supozoj por juĝi.

Afrikanoj kredas, ke en eksterafriko vivas nur riĉuloj. Esterafrikanoj pensas, ke en Afriko vivas nur mizero. En Afriko vivas homoj ekstreme riĉaj, pli riĉaj ol eksterafrikanoj, kaj ankaŭ eksterafrike vivas homoj pli malriĉaj ol Afrikanoj. La sola diferenco estas, ke abismo inter la riĉuloj kaj malriĉuloj estas pli granda en Afriko ol en riĉlandoj. "Mi restu en mia lando, ĉar kio gravas por mi, tio tute estas ne akiro de grandaj domoj, aŭtoj, materiaj aferoj, sed la kompreno pri la homeco en la homo". Tiel mi respondis demandon de lernanto de Wijnegem, kiu demandis, ĉu ne plaĉas al mi resti en Belgio pro ties paradizeco. "Se mi estas riĉa (kia mi certe ne estos) mi pluhelpos homojn". Tiel mi respondis demandon de Heidi pri onia riĉeco.

Kiom/kiel ajn kuros la homoj, ili neniam iros trans la teron. Ĝuste tial Zamenhof diris: "rapidu malrapide". Esperanto estas la sola ilo, kiu ebligu al mi scii tion. Mia dum-viva Esperantisteco fontas el tio.

Mi estas je la dispono de ĉiuj, kiuj klopodas por la disvastigo de Esperanto. Ĝuste tial mi pliafoje dankas la geesperantistojn Flandriajn , kaj precipe la membrojn de la kluboj KONKO kaj LVS, kiuj kontribuas en la progresigo de Esperanto en Afriko. Ĉiuj kunlaboru kun ni afrikanoj-Esperantistoj, helpu la agadon en Afriko, ke la kontinento, kvankam nigra, ankaŭ tute verdiĝu.

# Brazila Kroniko



Gazetaro

## Brazila Katoliko

*La Katolika Esperantista Movado, fondita en junio 1980, de la pastro Pedro Urbaitis (1911/1994) revigliĝas per la relanĉo de la gazeto Brazilo Katoliko, zorge eldonita de Eluizio Bueno Rodrigues. Tra 8 paĝoj la eldonaĵo de la brazilaj esperanto-katolikistoj prezentas ne nur informojn pri la katolika e-movado en Brazilo. pri IKUE – Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, sed ankaŭ pri la neŭtrala movado. Vere agrabla novaĵo kaj gratulinda laboro.*

Aranĝoj

## Jarfinaj festoj




*Du jarfinaj aranĝoj premieros baldaŭ: La Jarfina Festo 2002, sub la organiza-do de Lingva, la entrepreno de la samideano Flávio Rebello, el São Paulo, kaj la BEJO-seminario en Bona Espero, kiun organizos Cassius Desconsi, la prezidanto de la organizaĵo de brazilaj junaj esperantistoj.*
*Ambaŭ eventoj havas pli malpli la samajn celojn: kapti la okazon, ke ĉiu jarfino la homoj serĉas alternativojn por perioda ripozado for de la loĝurbo, por oferti eventon kie krom amuzado kaj ripozado, oni povu ankaŭ praktiki Esperanton kaj kunfratiĝi kun samideanoj.*
*La evento de Lingva okazos en la ŝtato Sanpaŭlo kaj laŭ la anoncoj estos programeroj por denaskaj esperantistoj.*
*La BEJO-evento, norde de Braziljo, en Bona Espero, vasta kaj agrabla bieno-lernejo en la municipo Alto Paraíso, krom amuzejo, verŝajne estos ankaŭ okazo por vigla diskutado pri strategio, des pli la junulara movado en Brazila lastatempe montriĝis vigliĝanta. Bonan jarfinan feston al ĉiuj.*

## Josias en Ĉinio

*Josias Ferreira Barbosa, veterana esperantisto el Braziljo, kiu en la lasta jaro respondecis pri kunordigado de la Esperanto-kursoj en Interlerneja Lingvo-Centro (cetere, kie Esperanto ne plu estas instruata), transloĝiĝis al nordorienta Ĉinio, kiel partoprenanto de la projekto "Por la angla perEsperanto". Temas pri varbado de fremdaj instruistoj de la angla lingvo kaj de Esperanto, kiuj restu dum minimume ses monatoj kaj maksimume dum du jaroj en tiu grandega lando, kie ili devas instrui kaj la anglan lingvon kaj Esperanton.*
*Josias forvojaĝis en septembro kaj laŭ lastaj informoj senditaj de li, ĉio iras bonorde, malgraŭ la frostego je 15 centigradoj sub nulo, kio por tropikulo el Brazilo ŝajnas netolerebla temperaturo.*
*Tamen, ĉar Josias ankoraŭ ankoraŭ vivas, kaj bone vivas, laŭ liaj propraj vortoj, estas pruvite, ke Esperanto-parolanto el tropika lando povas per Esperanto vojaĝi al malvarmega regiono kaj tie labori kaj pretervivi feliĉe. Gratulon al Josias kaj al la Ĉinaj esperantistoj pro la komuna agado.*

Ameriko

## Per libroj helpi Paragvajon

*La samideanino Aldenora Mendonça, kiu vojaĝis fine de oktobro al Assuncion, (Paragvajo), kunportis pakaĵon entenantan 39 malsamajn E-ajn librojn por esti transdonataj al la paragvaja samideanaro zorge de S-ino Deolinda Vera Lopes. Temas pri vortaroj, legolibroj kaj literaturaj verkoj.*
*Ĉi tiu iniciato de Kultura Kooperativo de Esperantistoj okazas en la kadro de la Kampanjo "Esperanto en la Bibliotekoj". KKE daŭre ricevas libervolajn mondonacojn ekskluzive destinitajn al tiu menciita Kampanjo.*
*Oni atendas ankaŭ vian kontribuaĵon!*

*Informis Aloísio Sartorato*

Evento

# Amika etoso




*Ĉirkaŭ 100 personoj ĉeestis hodiaŭ al la 15a Esperantista Renkontiĝo de EKOR (Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono de Rio).*
*La kunveno okazis en la kvartalo Jacarepaguá, ĉe "Fraternidade Espírita Irmão Cascais", kie funkcias la E-Grupo Francisco Valdomiro Lorenz, kaj komenciĝis akurate je la 10-a per portugallingva skeĉo pri E-aj aferoj. Tuj poste Fernando Marinho, eksprezidanto de BEL, prelegis pri la ĉeftemo de la evento Esperanto: Revo aŭ Realaĵo?", sekvita de debato pri la temo.*
*Tagmeze okazis kunfratiĝa tagmanĝo kaj posttagmeze muzikprezentadoj fare de la anoj de la diversaj grupoj (dek), kiuj konsistigas EKOR, kaj sprita skeĉo en Esperanto, prezentita de la membroj de E-Grupo F.V.Lorenz. Per komuna fotado kaj kantado de la E-a himno finiĝis la kunveno en amika etoso*

Agado

# Festo en Juiz de Fora

*La 20-an de Novembro okazis en Juiz de Fora la ceremonio por celebri la finon de la Kurso de Esperanto, organizita de AMAC (Associacão Municipal das Associações Comunitárias) kun apogo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj el Rio de Janeiro.*
*Finis la kurso 21 gelernantoj. La instruisto estis S-ro Ely de Abreu, kiu jam de multe da tempo laboras por Esperanto en Juiz de Fora; la patrono estis la klera samideano Prof. José Passini kaj la protektanto estis la Direktoro de AMAC, D-ro José Sotter de Figueroa Neto, kiu multe apogas la esperanto-movadon. S-ino Angela Faria reprezentis ACEJF (Kultura E-Asocio de Juiz de Fora) kaj S-ro Ademar Diniz reprezentis siavice Kultura Kooperativo de Esperantistoj.*
*Vere estis bela Esperanto-festo, kiun ni esperas okazigi baldaŭ denove.*

*Informis Ademar Vieira Diniz*

Poezio

# Publika deklamado

*Sub la kunordigado de Neide Barros Rego okazis la 23an de novembro en Niterói, Poezia Recitalo omaĝe al centjariĝo de la brazila poeto Carlos Drummond de Andrade.*
*Interalie antaŭ pli ol 200 ĉeestantoj Sylla Chaves deklamis en Esperanto la poemon "Lagoa" (La Lago), tradukita de Neide Barros Rego. Bedaŭrinde la dua programita Esperanta prezentaĵo (Neide deklamante per la premiita vidbendo Plurspecaj Eroj por Artaj Vesperoj la poeziaĵon "José" [Jozefo]) ne okazis pro teknikaj problemoj.*
*Ĵurnalo O FLUMINENSE, la plej prestiĝa de Niterói, disvastigis la eventon kaj elstarigis la fakton ke oni prezentus du poeziaĵojn en Esperanto.*

*Informis Aloísio Sartorato*



Televido

# UP apogas Esperanton



*La neregistara organizaĵo União Planetária (Unuiĝo Planeda), kiu havas en sia statuto mencion pri la neceso adopti internacian neŭtralan lingvon, ellaboris vidbendon pri Esperanto, kiu estis dissendita interalie per la TV-stacio de la Federala Ĉambro de la Deputitoj. UP havas konstantan programon ne nur en tiu kanalo, sed ankaŭ en tv-kablaj stacioj Net kaj MaisTV.*
*Cetere, la prezidanto de MaisTV estas la esperantisto Hermano Lins, iama prezidanto de Esperanto-Asocio de Braziljo.*
*Aliflanke, la prezidanto de UP estas Ulisses Riedel (foto), fama advokato, fakulo pri laborjuro, kiu havas bonegajn rilatojn kun multe da grandaj sindikatoj en Brazilo, kiuj jam estis aŭ ankoraŭ estas klientoj de lia prestiĝa juroficejo.*
*Ulisses Riedel kaj Hermano Lins decidis labori kune, cele al produktado de pertelevida kurso de Esperanto. Ni atendu la laboron de UP kaj de MaisTV.*



*Fabrício Valle*
Ĉefredaktoro

Pensume

# Por lingva diverseco

La 20an de novembro estis lanĉita en Braziljo, fare de Reto Esperanta – Instituto de Internacia Interŝanĝo, la Nacian Programon de la Volontulаro por la Lingva Diverso. Ĉu ĝi sukcesos aŭ ne, tio dependos parte de la perceptado flanke de la brazila esperantistaro. Mi diras "parte" ĉar ĝi estos diskonigata ĉefe en la ne-esperantista medio, kie ni planas varbi la plej multajn volontulojn. Tamen, la amasa partopreno kaj engaĝiĝo de la esperantistaro povos multe helpi, ĉar per la vigla agado de la esperantistoj ni pli vasta povos atingi la celatan publikon.

Nu, el kio konsistas tiu pionira kaj originala programo?

Ni povas diri, ke ĝeneralsence ĝi kongruas kun la nova sinteno de Universala Esperanto-Sinteno, kiu lastatempe pli aktive agadas sur la kampo de la lingvopolitiko, kiel por ekzemplo, per specifaj iniciatoj kontraŭ lingva diskriminacio.

Kaze de la programo de la volontularo de Reto Esperanta, oni planas agadi sur tri diversaj branĉoj, tamen apartenantaj al la sama trunko: la protektado de la lingvoj minacataj je morto, la ekspansio de la portugala lingvo kiel fremda lingvo kaj la disvastigo de Esperanto. Tiuj tri branĉoj havas komunan punkto, nome la defendo de la lingva diverseco. Jen: la strebo protektadi la lingvojn minacatajn je morto montros, ke la nuna lingvopolitiko meritas ĝustigojn, pro la danĝero fontanta el ĝi. La klopodado por la ekspansio de la portugala kiel fremda lingvo helpos la brazilanojn percepti la kernajn nuancojn sur la kampo de la politiko de la lingvoj, kiel por ekzemplo la avantaĝojn kiujn la angla lingvo jam havas, kaj kiujn ni rajtas deziri ankaŭ por ni, eĉ se malpli vastskale. Alivorte, la laboro por la portugala havos didaktikajn efikojn. Fine, la disvastigado de Esperanto elmontros inteligentan solvon, kiu favoros kaj la defendo de la minacataj lingvoj kaj la starigo de egalrajteco inter la naciaj lingvoj.

Ĉu la strategio de la programo de la volontularo de Reto Esperanta alportos konkretajn kaj pozitivajn rezultatojn, nur la tempo respondos.

# Mi adiaŭas, kiel senrubrikulo tamen mi ne malaperos

Du jaroj. Ok numeroj de Brazila Esperantisto. Kun granda honoro mi ricevis la inviton de la estraro de Brazila Esperanto-Ligo por redaktori la oficialan organon de Brazila Esperanto-Ligo, antaŭ iomete pli ol du jaroj. Mi akceptis la grandan defion kaj de tiam mi preparis ok numerojn de Brazila Esperantisto, enkalkulante la numeron kiun vi legas nun. Mi povas aserti al vi, ke mi treege ĝuis roli kiel redaktoro de nia revuo. Ĉiu numero estis por mi kvazaŭ filo. Bedaŭrinde, la akurateco ne estis la ĉefa karaktero de mia laboro, kaj pri tio nur mi respondecas. Mi ne povas ne danki ĉiujn homojn kiuj kunlaboris per redaktado de raportoj, artikoloj kaj sendado de informoj. Fari revuon kiel la nian ne estas tasko nur por unu homo.

Mi sentas min feliĉa, ĉar sub mia redaktoreco, kaj kun la rekta kaj treege grava partopreno de Elison Simas, nia grafika aranĝisto, kaj Luciana Nascimento nia grafika asistantino, estis montrita, ke eblas fari altnivelan revuon. Dankon al ĉiuj.

La rubriko Pensume ne plu estos publigigita, tamen, tio ne signifas, ne mi ne plu verkos por Brazila Esperantisto. Mi ja intencas plu verki, sed preferinde sen la kompromiso je regula aperado de rubriko.

Nu, restas al ni ĉiuj labori kune kun Carlos Maria, la nova redaktoro.

# Indekso 2001 - 2002

*La numero inter parentezoj esta la revunumero. La sekva numero estas la numero de la paĝo.*


**A**

Adonis Saliba **(318) 5**
Afriko **(317) 26**
Afrika movado **(321) 24**
Ago tago **(316) 30**
Amazona regiono, internaciigo **(314) 17**
AME **(314) 21**
Amerika-agado **(314) 13**
Ameriko, UEA-Komisiono **(318) 26**
Alzheimer, malsano **(315) 27**
Argentina Esperanto-Ligo **(315) 26**
Argentino **(316) 12**
Aŭskultado **(317) 12**

**B**

Babelmondo **(319) 5**
Bays *vidu* Gersi Alfredo Bays
BEJO **(320) 11, 20 ; (321) 12**
BEL
Centjariĝo **(319) 30**
Departementoj **(316) 20**
BEL-Estraro, platformo **(316) 20**
Belartaj konkursoj **(320) 31**
Beletra konkurso **(320) 20**
Biblio **(315) 27**
Biblioteko **(318) 20**
Biblioteko Carlos Domingues **(319) 20 ; (320) 27**
Brazila Esperantisto **(320) 20**
Brazilaj Seminarioj **(317) 17**

**C**

Carlos Drummond de Andrade **(321) 14**
Centjariĝo, BEL **(319) 30**
Charles Baudouin **(319) 13**
Cseh-metodo **(320) 13 ; (321) 17**
Ĉilia Esperanto Asocio **(317) 26**

**D**

Demenco **(315) 27**
Diskomerkato **(314) 12**
Disvastigado **(319) 30**

**E**

E-libro **(318) 31**
E-radio **(318) 31**
Edukado **(317) 9 ; (319) 7**
EKI **(314) 8**
EKOR *vidu* Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono
Eldonado **(314) 23 ; (319) 5**
Elektado, brazila **(321) 9**
Entreprenado **(316) 34**
Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono **(316) 28**
Esperanto **(320) 24**
Esperanto, instruado **(320) 13, 30**
Esperanto, subteno **(318) 12**
Esperanto-Klubo **(316) 24**

**F** Federacia Konsilantaro **(316) 34** ; **(318) 34** ; **(319) 34** ; **(320) 34**
Flávio Fonseca **(319) 24**
Fonto **(314) 5** ; **(317) 30**
Forumo pri edukado **(319) 7**
Foto-eseo
- Baroka preĝejo **(317) 18**
- Brazilaj indiĝenoj **(316) 18**
- Canoa Quebrada-CE **(315) 18**
- Festoj juniaj **(319) 18**
- Futbalo **(320) 18**
- Karnavalo **(314) 18**
- Rozesto **(318) 18**
- Ses preciozaĵoj el La Praktiko **(321) 18**

Fundamenta kretomatio **(315) 24**
Futbalo **(318) 9**

**G** Gastejo **(318) 30**
Gazetaro **(317) 31**
Gazetaro, Esperanto en **(318) 30**
Gersi Alfredo Bays **(314) 5** ; **(315) 30**

**H** Humphrey Tonkin **(320) 5**

**I** Industrio Esperanto **(319) 29**
Informado **(316) 29**
Internacia Esperanto-Instituto **(321) 17**
Internacia Forumo pri edukado **(317) 9**
Internacia Kongresa Universitato **(317) 20**
Internaciigo **(314) 17**
Interreto **(316) 12, 16, 31** ; **(317) 8, 10** ; **(318) 8** ; **(321) 8**
Ismael Ávila **(319) 5**

**K** K-Disko
- La korvo **(319) 24**
- Simbiozo **(319) 24**
- Tom Jobim en Esperanto **(319) 24**
- Verdesteloj brazilaĵoj **(315) 13**

Karaokeo **(315) 28**
Klonado **(320) 9**
Komunikado **(317) 10**
Kongresoj (kaj similaj)
- 2a Monda Socia Forumo **(318) 24**
- 22a Brazila Esperantista Junulara Kongreso **(316) 11**
- 23a Esperanto-Rekontiĝo de la ŝtato San-Paŭlo **(317) 30**
- 37a Brazila Kongreso de Esperanto **(314) 32** ; **(316) 14**
- 38a Brazila Kongreso de Esperanto **(319) 20**
- 5a Esperanta Rekontiĝo de Taguatinga **(320) 31**
- 5a Tutamerika Kongreso de Esperanto **(315) 11, 26**
- 6a Tutamerika Kongreso **(320) 26**
- 7a Kolombia Kongreso de Esperanto **(316) 26**
- 8a Esperanto-Rekontiĝo de Granda Rio **(317) 30**
- 87a UK **(318) 20** ; **(319) 33** ; **(320) 14**
- Afrika Kongreso **(316) 7**
- Internacia Junulara Kongreso **(317) 25** ; **(319) 33**
- Minasa Rekontiĝo de Esperanto Centro-Okcedenta **(317) 28**

Konkurso **(315) 20** ; **(318) 13**
Kultura Kooperativo de Esperantistoj **(315) 30** ; **(317) 14** ; **(319) 28**
Kurso de Esperanto **(316) 8**
Paragvajo **(319) 26**
Programo **(317) 31**

**L**

(La) Lampiro **(319) 28**
Laŭleĝa deponado **(319) 20**
Lernolibro **(319) 29**
Libroj
O desafio das línguas **(319) 5**
En la komenco estas la vorto **(314) 14**
La kunularo de l'ringo **(318) 11**
Socia rolo de kromamantoj **(317) 24**
Libromerkato **(314) 5** ; **(319) 29**
Lício Castro **(316) 5**
Lingvo
Diverseco **(320) 5**
Problemo **(320) 24**
Lingvaj homaj rajtoj **(319) 7, 34**
Literatura premio **(320) 29**
Literaturo **(314) 30** ; **(315) 17** ; **(316) 9, 33** ; **(317) 33** ; **(318) 33** ; **(319) 9** ; **(321) 9**
Lorenz, Francisco Valdomiro **(314) 16**

**M**

Merlim **(314) 9** ; **(320) 28**
Molina Milanez **(317) 5**
Monda Universitato **(318) 20**
Monteiro Lobato **(318) 14**
Movado **(314) 26** ; **(315) 23** ; **(316) 23, 24** ; **(317) 23** ; **(318) 23** ; **(319) 8, 23** ; **(320) 4, 5, 23** ; **(321) 4, 23, 24**
Muzeo **(316) 30**
Muziko **(314) 29** ; **(314) 13, 32** ; **(316) 32** ; **(317) 32** ; **(318) 32** ; **(319) 32** ; **(320) 32**

**N**

Novaj talentoj, konkurso **(317) 13**

**O**

Oriento-Okcidento **(315) 14**

**P**

Paragvajo, kurso de Esperanto **(319) 26**
Perkoresponda-Kurso **(320) 20**
Profetado **(319) 11**
Psikanalizo **(319) 13**
Psikoterapio **(319) 13**

**R**

Radioprogramo **(314) 21**
Rakontado **(317) 12**
Rebatservo **(316) 31**
Renato Corsetti **(315) 5**
Reta Babilejo **(317) 8**
Reta Vortaro **(315) 8**
Reto Esperanta **(319) 29** ; **(320) 31**
REVO *vidu* Reta Vortaro

**S**

Santos Dumont, Alberto **(314) 24**
(A) Semente **(315) 20**
Soybean **(319) 29**
Spirita Eldonado Societo F. V. Lorenz **(314) 15**
Spiritisma Alianco por la Divastigo de Esperanto **(319) 30**

Supersignoj **(316) 27**

**T**

Taguatinga Esperanto Klubo **(318) 29**
Tolkien, Ronald R. **(318) 11**
Tonkin *vidu* Humphrey Tonkin
Tradukado **(314) 21**

**U**

UNESKO **(315) 16**
Urboj
- Anápolis-GO **(314) 21**
- Barra Bonita-SP **(317) 30**
- Belo Horizonte-MG **(318) 29** ; **(320) 23**
- Brasília-DF **(314) 20** ; **(314) 26** ; **(317) 29** ; **(318) 28**
- Campinas-SP **(315) 30** ; **(316) 31**
- Catalão-GO **(320) 28**
- Cel. Fabriciano-MG **(315) 31**
- Curitiba-PR **(314) 23**
- Descalvado-SP **(314) 22**
- Formiga-MG **(315) 31**
- Fortaleza-CE **(315) 9, 23** ; **(317) 31**
- Juiz de Fora-MG **(321) 28**
- Lavras-MG **(317) 28**
- Luziânia-GO **(317) 28**
- Maceió-AL **(314) 21**
- Niteroj-RJ **(317) 28**
- Pato Branco-PR **(319) 23**
- Porangatu-GO **(317) 31**
- Porto Alegre-RS **(314) 23** ; **(316) 29** ; **(317) 23**
- Recife-PE **(316) 31** ; **(317) 29** ; **(318) 23**
- Ribeirão Preto-SP **(316) 30**
- Rio de Janeiro-RJ **(314) 20** ; **(317) 30**
- Rio Grande-RS **(315) 29**
- Rondonópolis-MT **(318) 30**
- Salvador-BA **(316) 29**
- Santos-SP **(317) 28, 29**
- São José dos Campos-SP **(318) 28** ; **(320) 29**
- São Paulo-SP **(318) 31** ; **(319) 28**
- Sorocaba-SP **(315) 30**
- Taguatinga-DF **(317) 28, 30** ; **(321) 23**
- Torres-RS **(317) 30**
- Três Rios-RJ **(317) 29** ; **(318) 28**
- Ubá-MG **(316) 23**
- Uberlândia-MG **(314) 21**
- Volta Redonda-RJ **(317) 29**

**V**

VEKI **(314) 8**
Vojaĝo **(314) 22** ; **(317) 10**
Volontula agado **(319) 29** ; **(320) 31**

**Z**

Zamenhof, Aleksandro **(316) 26**
Zamenhof
- festo (314) 20
- tago (318) 28, 29

# Ni kune faru la kukon!

Post nur kelkaj jaroj Brazila Esperanto-Ligo centjariĝos.
Kian festkukon ni kune faros por ĝi?
Kiel helpo por via decido, kian omaĝon ĝi meritas de ni ĉiuj, jen el kio konsistas via landa organizaĵo.



**Libroservo**
*Unu el la plej grandaj en Esperantujo*

**Homfortoj**
*Skipo el 12 kunlaborantoj en la Centra-oficejo, inter estraranoj kaj volontuloj*

**Perkoresponda Kurso**
*Ellaborita de Geraldo Mattos, BEL-perkoresponda kurso estas bona rimedo por popularigi Esperanton*



**Moderna Ekipaĵo**
*10 modernaj komputiloj kaj aliaj oficejaj iloroj estas je la dispono de la laborantoj en la sidejo*



**Biblioteko Carlos Domingues**
*Nun organizata laŭ la bibliotekomiaj normoj, ĝi baldaŭ estos remalfermita*

**Sidejo**
*Granda sidejo, kun ok ĉambroj, estas bazo por plivastigo de BEL-agado*




**Brazila Esperantisto**
*La oficiala organo de BEL ekde ĝia fondiĝo, la revuo Brazila Esperantisto nun enviciĝas inter la plej bonaj el la esperanto-gazetaro.*

**La fundamento**
*La plej grava BEL-fundamento, tamen, ne estas en la centra-oficejo, sed disigita tra la tuta Brazilo. Temas pri la ŝtataj kaj lokaj asocioj, la individuaj membroj, finfine, la brazila esperantistaro, kiu estas la granda espero por nia estonteco.*

Nu, jam venas la horo pli aktive partopreni la destinon de Brazila Esperanto-Ligo.
La unua paŝo estas la (re)aliĝo por 2003. Utiligi la ĉi-kunan aliĝilon kaj se estos necese petu pliajn.
BEL-bezonas vin nun por atingi sian centjariĝon kiel adoleskanto preta konkeri la mondon.

Brazila Esperanto-Ligo



Caixa Postal 03625
70084-970 Brasília - DF
bel@esperanto.org.br




# 38-a Brazila Kongreso de Esperanto

*Temo:*

## *Esperanto kaj Civitaneco*

**20-24 de Julio 2003**
**Belo Horizonte-MG**

*Loko:*

*Centro de Turismo, Convenções e Lazer SESC-Venda Nova*

*Informoj:*

☎ (31) 3212-5533
sembh@yahoo.com.br